Xa jaro. N° 152 (16) ☆ KONGRESA GAZETO N° 1 ☆ 24 Aŭgusto 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . . 2. — Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . . 2. 50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . **20 Sd.** (50 ct.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . **16 Sd.** (40 ct.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . **20 Sd.** (50 ct.)
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## *La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum la Kongresoj*
## *kaj kostas 10 centimojn po Numero*

OKAZONTAĴOJ

### Dimanĉo 24 aŭgusto

8 h. 30 Naciaj kunvenoj en la Kazino.

9 h. Hebrea Diservo en la Sinagogo (Kappellenstr. 2, tramlinio 7-8).

10 h. 15 Protestanta Diservo en la „Heiliggeist“ (Spitalgasse, apud la stacidomo). Prediko de Patro Rust.

11 h. 30 Katolika Diservo en la preĝejo „Trinitatis“ (Taubenstrasse).

3 h. **Festa malferma kunsido** en la salonego de la Kazino (1a etaĝo):

1e Transdonado de la prezidantaj povoj kaj de la Esperantista flago al la nova prezidanto. La transdonadon faros D-ro *Mikolajski* el Lwow, prezidinto de la VIIIa Kongreso de Esperanto en Krakovo.

2e Oficialaj komunikoj, legotaj de la ĝenerala sekretario de la Kongreso, S-ro *G. Chavet.*

3e Alparolado de la honora prezidanto Kol-o *E. Frey,* eksprezidanto de la Svisa Federacio kaj direktoro de la Internacia oficejo de la telegrafoj. — Alparoladoj de oficialaj reprezentatoj de registaroj kaj de diversaj internaciaj asocioj.

4e Interakta orgenludo: Richard Wagner „Pilgrimĥoro“ kaj improvizado de S-ro *Karl Locher.*

5e Alparolado de Prof. *E. Boirac,* rektoro de la Diĵona Universitato, je la nomo de la Konstanta Komitato de la Kongresoj.

6e *Malferma parolado* de la Kongres-prezidanto.

7e Alparoladoj de diverslingvaj naciaj delegitoj.

8a *Solena prezentado al D-ro Zamenhof de memoriga ormedalo,* por konsakri la ĵus pasintan 25-jaran jubileon de la lingvo Esperanto. Post kelkaj k[illegible]raj vortoj de Generalo H. Sebert, membro de la Franca Instituto kaj prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, S-ro *J. Schmid,* prezidanto de la Organiza Komitato, transdonos la memorigan medalon je la nomo de la tuta kongresanaro.

9e Orgenludo de S-ro *Karl Locher.*

7 h. **Marŝado de la kongresanoj al la placo antaŭ la Federacia Palaco, kun muzikistaro.** (Tuj kiam estos finita la malferma kunsido, ĉiuj kongresanoj estas petataj, iri en la straton „Herrengasse“, apud la Kazino, kaj senprokraste kuniĝi, *ĉiu apud sia nacia flago.* Kiam la irantaro estos preta marŝi, la muziko kondukos ĝin ĝis antaŭ la Svisa Federacia Palaco, kie la muzikistaro kaj la Esperantistoj aŭdigos la nacian Svisan himnon, laŭ la Esperanta traduko presita sur tiu ĉi programo. Tuj poste, la irantaro marŝos returnen ĝis la Kazina placo, kie la muzikistaro kaj Esperantistaro aŭdigos la Esperantistan himnon. Tiam oni disiĝos, kaj la festo estos finita. — La promenadon povas kaj devas partopreni ankaŭ la Esperantistinoj, ĉar ĝi ne estos longa. — Oni estas petata marŝi *kvarope* kaj *ne kanti* dum la marŝado.)

8 h. Kristanoj en Loĝejo de la KUJV (Zeughausgasse 39).

9 h. Elektra lumiĝo de la Katedralo, en honoro de la Kongresanoj.

### Lundo 25 aŭgusto

8 h. 30 Fakaj kunsidoj en la Universitato (ruĝkruculoj, kuracistoj, socialistoj, katolikoj).

10 h. 15 Preparaj kunsidoj en la Kazino (Lingva Komitato, Rajtigitaj Delegitoj).

Vizito de la urbo grupope, rendevuo en la teretaĝa halo de la Kazino.

3 h. **Festa malferma Kunsido de UEA** en Kazino (ĉambro 2, Burgerratssaal). Ĉiuj Kongresanoj rajtas ĉeesti.

*Tagordo:*

Parolado de la Prezidanto de UEA.
Salutparolado de S-ro Schmid (Org. Komitato).
Parolado de S-ro H. Hodler, direktoro de la C. O. de UEA, pri: „Kiel nun staras UEA?“
Parolado de S-ro E. Privat, komitatano de UEA, pri: „La nuna tasko de Esperantismo“.

5 h. 15 Fakaj kunsidoj en la Universitato (Scienca Asocio, publikoficistoj, instruistoj, fervojistoj).

8 h. 15 Festvespero en „Innere Enge“ (uzu tramlinion n° 8). En okazo de pluvo, la festo okazos en la Kazino, 1a etaĝo.

# Bonvenon.

*Ĉe via transiro, karaj gesamideanoj, trans la sojlon de nia urbo, ni alvokas vin per la antikvaj svisaj vortoj: Salutu vin Dio!*

*La Granda Forto Mistera, kiu ordonis al la homoj pacon kaj amon, salutu vin sur viaj vojoj, vin, portantajn en la mondon la torĉon de l'paco . . .*

*Grandvalora estos la venko de Esperanto por la komerco, tion neas neniu. Grava ĝi estos por la scienco, ankaŭ tion bone scias ĉiu. La tempo, kiun la scienculoj nepre devas oferi por la ellernado de fremdaj lingvoj, povos esti tute dediĉita al la senpera ekkono de la sciencaj akiroj de la tuta mondo. Nur blinduloj povas preteravidi la preferojn okulvideblajn de la internacia lingvo por la scienco. Kaj kiel necesa estas Esperanto por la disvastigo de la tutmonda literaturo, — pri tio ni ne bezonas ĉi tie perdi multajn vortojn. Sed en la nuna momento niaj sentoj estas turnitaj al alia flanko de nia movado, en la nuna tempero nia animo estas turnita al nia „sankta signo de l'espero", al nia celo, kiu „briletante tra densa mallumo", diras al ni la direkton, „simile al stelo en nokta ĉielo".*

*Dum unu jaro la gazetaro estis plena je informoj pri milito; dum unu jaro en la mondo senĉese ĝemas miloj da orfigitaj infanoj, da malfeliĉaj patrinoj kaj vidvinoj; arojn da homoj forrabas la monstro-milito.*

*En tiu malluma nokto oni delonge sopiras je signo de lumo; oreloj, surdigitaj de kanonbruado, malpacience atendas aŭdi voĉon de paco, sonon de fratiĝo.*

*Kaj nun ĝi venas, la granda festo de l'paco; nun ĝi estiĝas la grandioza manifestacio de internacia komprenigo. Ni estas feliĉaj kaj fieraj, ke por nia nunjara kongreso estas elektita nia lando kaj nia urbo. Ĝi estas la lando, kiu tradicie alte tenas la standardon de libereco kaj la flagon de paco, kaj estu certaj, ke ĉies koro en nia lando batas unusone kun la via, ke ĉies mano en nia urbo kore svingas al vi sinceran saluton.*

*Ni kredas, ke la bela naturo de nia lando, la montoj, leviĝantaj per siaj neĝaj pintoj ĝis la ĉielo, — instigos nin al pleja entuziasmo por nia idealo. La verdaĵo, en kiu kvazaŭ banas sin nia urbo, estu por ni la natura standardo Esperantista de Bern. Ĝi plenigu nian koron je ĝojo, nian animon je fervoro, ĝi kronu vian laboron per bona sukceso.*

*Sed estante feliĉaj vidi vin, karaj gastoj, en nia proksimo, — ni samtempe kun bedaŭro pensas pri tiuj el niaj samideanoj, kiuj pro kaŭzoj tro konataj ne povis veni ĉi-tien. Ni pensas pri la entuziasmaj esperantistoj de Balkano kaj de Turkujo, kiujn, revantajn pri fratiĝo kaj paco, la malkompata sorto puŝis en la militon. Ni bone konscias, ke ili kun sia animo estas ĉe ni; ni bone komprenas la teruran turmenton de ilia situacio.*

*Kaj per ĉi tiuj linioj ni esprimas ankaŭ al ili, al la forestantaj, tamen anime ĉeestantaj, nian koran saluton.*

*Ni esperas, ke la tempo de l'paco, kiun jam longe prirevas ĉiuj nacioj, ne estas malproksima, — kaj ni sincere deziras, ke*

*„Rapide kresku la afero*
*Per laboro de la esperantoj."*

*Kaj en senco de tiu espero, en senco de tiu deziro, ni ripetas la antikvan svisan bonvenon: „Grüess Gott!" — Salutu vin Dio!*

Organiza Komitato.

# Carlo Bourlet

Neatendebla malfeliĉa famo naskiĝis en Franclando antaŭ dek tagoj, kaj rapide disvastiĝis en Eŭropo: Carlo Bourlet mortis. Kie? En Annecy. Kiam? La 12an de aŭgusto. Kiel? Akcidente... Kaj ne estis eble tuj ricevi aliajn pli precizajn detalojn.

Carlo Bourlet naskiĝis en Strassburg en 1866. Post longaj studoj li fariĝis matematika profesoro en liceoj. Tiam li verkis tiujn multegajn lernolibrojn pri matematikoj, kiuj nun estas uzataj en ĉiuj francaj lernejoj kaj gimnazioj. Je tiu epoko li ekinterrilatis kun la fama eldonfirmo Hachette kaj koramikiĝis kun ĝia direktoro S-ro Breton. Kvankam klopodanta por vulgarigo de l'sciencoj, Bourlet faris altvalorajn sciencajn laborojn kaj esplorojn. Pro ili li fariĝis profesoro ĉe l'Nacia Konservatorio de la Artoj kaj Metioj kaj ĉe l'Nacia Lernejo de l'Belartoj en Paris. Inter sciencistoj li famiĝis, kaj li havis inter ili kaj inter siaj kolegoj multajn amikojn.

En 1901, malgraŭ siaj tiel multaj kaj jam tiel diversaj okupoj, profesoro Carlo Bourlet varbiĝis al Esperanto. Lia agemeco bezonis vastan kampon; ĝi envadis la mondon. La Pariza Grupo estis ĵus fondita, kaj unu jaron poste Carlo Bourlet estis elektata ĝia prezidanto por anstataŭi S-ron Moch. Tiam komenciĝis lia penado. Li penis, penadis kaj repenis por propagandi en Paris kaj en franca provinco kaj por vivigi kaj kreskigi la Paris'an Grupon. Liaj amikaj rilatoj kun S-ro Breton ebligis, ke li instigis kaj sukcesis decidi la gravan firmon Hachette al eldonado de Esperantaj lerniloj kaj literaturaĵoj, kaj eĉ al presado kaj disdonado de multegaj propagandaĵoj. Sed jam ne sufiĉis, li devis plie labori: li fondis la Revuon, kiun li dum ok jaroj senlace direktis kaj redaktis.

Kaj dume li ĉiam propagandis. Intertempe li ĉeestis la ok unuajn Universalajn Kongresojn de Esperanto, kie eĉ tiuj, kiuj ne aprobis la ideojn, kiujn li prezentis aŭ defendis, unuanime konsentis, ke li estas eminenta oratoro, ne literatura paroladisto kiel nia ŝatata amiko S-ro Privat, sed parlamenta oratoro, kiu en ĉiuj cirkonstancoj sciis sukcese logi la publikon, ĝin kvazaŭ sorĉi, por tiel atingi rezultaton neantaŭvideblan.

Ni ne forgesu, ke Bourlet kunfondis la Sciencan Asocion, sed ĉar li trovis taŭgajn laborantojn por tiu tasko, li ĝin forlasis por sin dediĉi al aliaj. Kaj la aliaj estis tiel multaj, sed lia agemo, ni jam diris, estis tiel vasta!

Ano de la Lingva Komitato, vic-prezidanto de la konstanta komitato de l'kongresoj, ano de la Administra konsilantaro de l'Centra Oficejo, ĉie li havis titolon, sed ĉie li duoble laboris.

Tamen liaj streĉitaj fortoj bezonis iom da ripozo; li iris por ĝui libertempon al la lago de Annecy (Savojaj Alpoj). La 1an de aŭgusto okazis akcidento: dum manĝado fiŝosteto restis en lia gorĝo, oni devis lin porti al malsanulejo por operacieto ne grava, sed ankaŭ ne grava estis eble la kuracisto, ĉar kredeble tiam okazis dua akcidento pli danĝera, tiel danĝera, ke la 12an de aŭgusto matene je la oka horo Profesoro Carlo Bourlet lastelspiris.

Kruela ironio de liaj lastaj vortoj en la aŭgusta Babilado de la Revuo, kie li diris: „Ĝis baldaŭ en Bern".

Li ne ĉeestas, kaj ni ĉiuj bedaŭregas kaj malĝojas despli ke lia morto estis tiel kvazaŭ subita kaj sensenca, kiel tiu



de Curie, tiu fama fizikisto, eltrovinto de la radiumo, kiu mortis subpremata de fiakraj radioj. Altaj spiritoj devas suferi tiajn sortajn kruelaĵojn.

Mortis Bourlet, sed ne mortos lia memoro.

* * *

Carlo Bourlet estis enterigata en Paris la 15an de aŭgusto antaŭ tre multaj gesamideanoj: D-ro L. L. Zamenhof ĉeestis. Ankaŭ S-roj Boirac kaj Mudie. Profesoro Bricard, de la konservatorio, laŭdis liajn sciencajn laborojn; D-ro Zamenhof faris funebran paroladon en Esperanto, kaj S-ro Chavet adiaŭis je la nomo de la Paris'a Grupo ĝian neforgeseblan Prezidinton. — L. P.

# Abato Richardson

Veninte en Bossey apud Ĝenevo por iom ripozi kaj revizi kelkajn esperantajn laborojn kun nia konata samideanino S-ino Milson (E. Ramo), la sidona prezidanto de katolika esperantistaro Abato Richardson mortis pro subita sufokiĝa krizo dum la nokto la 20an de aŭgusto en la domo de l' vilaĝa pastro.

Dolore ĉagrenas ne nur niajn katolikajn samideanojn sed la tutan esperantistaron la perdo de tiel bonkora kaj simpatia laboranto, kiu ĉiam antaŭenmetis el siaj fortaj konvinkoj tion, kio povas unuigi prefere al tio, kio povas dividi la homojn. „Homo estu homa" li diris kaj homa li mem estis tutkore.

La Internacian Asocion de Katolikaj Esperantistoj li energie kaj saĝe gvidis kaj kreskigis en nia rondo tiun tre gravan fakon, kiu per siaj propraj kongresoj, siaj specialaj gazetoj k. t. p. multege faris por tutmonda propagando de Esperanto. Plie por la tuta esperantia afero mem, por ĝia interna ideo, por nia Majstro li havis tiel varman entuziasmon ke en Bruselo, kie li instruis ĉe la Instituto Saint Louis, en tuta Belgujo kaj ĉie, kien li vojaĝis li ĉiun liberan minuton sian donis por helpi la disvastigon de nia lingvo. Granda amiko de UEA li estis kaj ankaŭ multe laboris por ĝi.

Tio, kio lin allogis en la Roman Eklezion, tio sama lin varbis al Esperanto: deziro al unueco inter homoj. Lia granda sentema koro vidis ĉefe la pozitivajn flankojn de ĉio. Li amis la homojn tutkore kaj volis ilin helpi.

La 22an aŭgusto en la poezia vilaĝeto sub la montoj urĝe avertitaj esperantistoj kaj impresata vilaĝanaro faris funebran adiaŭsaluton al tiu junkora kaj junagema sepdekjarulo, kies pardonantan fizionomion ni ĉiuj tiel bone memoras.

Kompreneble la Bernan Kongreson iom surkovras malgaja ombro pro la mortoj de ambaŭ tiuj grandaj servantoj de nia sankta afero, unuflanke la fama granda propagandisto kaj konata liberpensulo, aliflanke la senlaca blankhara laboranto, katolika pastro. Ilin Esperanto ligis per bela tutkora amikeco. Kune pace ili nun ripozas.

E. P.

# Tra la kongreso

.·. Insignoj de la Komitatoj:

| | |
|---|---|
| Organiza Komitato . . . | verda rosaco |
| Akcepta „ . . . | blanka „ |
| Financa „ . . . | flava „ |
| Loĝada „ . . . | viola „ |
| Plezura „ . . . | blua „ |
| Polica „ . . . | ruĝa „ |
| Dekoracia „ . . . | roza „ |
| Presa „ . . . | griza „ |

.·. Oni multe admiras la bonguston kaj plaĉan aspekton de la kongresaj presaĵoj.

.·. Sabaton ĝis la deka, la fruemaj kongresanoj trovis en sia koverto flavaĵon titolitan „Lingvo Kosmopolita". Je la dek-unua la malfruuloj ĝin ne plu trovis. Kial? Ĉu ĝi forflugis al la Infero?



Kolonelo Emil Frey, Honora Prezidanto.

.·. La Kongresanoj estas petataj mendi kiel eble plej frue la jenajn biletojn, ĉar oni devas scii la nombron de la partoprenontoj antaŭe:

| | |
|---|---|
| mardon . . . . | teatra prezentado |
| merkredon . . . | oficiala festeno |
| ĵaŭdon . . . . | ekskurso al Interlaken |
| vendredon . . . | bufedo dum la balo |
| dimanĉon . . . | festo sur monto Gurten. |

Por la teatra prezentado de „Ginevra" kaj „La Patreco", oni disvendos lokojn al la ne-Esperantista publiko jam de mardo matene.

.·. La Organiza Komitato estas gratulinda pro la bela Kongreskarto kaj pro la arta Kongresinsigno.

.·. La Kongresanoj bonvolu ornami siajn fenestrojn per flagoj aĉeteblaj en la Vendejo.

.·. La Bern'a Historia Muzeo (trans la ponto Kirchenfeld) estas malfermita dum labortagoj de la 8-a ĝis la 12-a kaj de la 1-a ĝis la 6-a, dum dimanĉo de la 10-a ½ ĝis la 12-a kaj de la 2-a ĝis la 4-a (enirpago: 0. 50); senpaga eniro mardon kaj sabaton de la 1-a ĝis la 6-a. Ĝi estas fermita lundon.

La Muzeo de Belartoj (12, Waisenhausstrasse) estas malfermita dum labortagoj de la 9-a ĝis la 12-a kaj de la 1-a ĝis la 5-a (enirpago 0.50); senpaga eniro mardon je diritaj horoj kaj dimanĉon de la 10-a ½ ĝis la 12-a kaj de la 1-a ĝis la 4-a.



J. Schmid, Prezidanto de la Organiza Komitato.

.·. La Akceptejo ne estas babilejo.

.·. La Vendejo estas samtempe aĉetejo.

.·. Kie estas la Ekspozicio? En la montrita ĉambro ni vidis ĝis nun nur belajn blankajn murojn kaj nigrajn tablojn. Tamen oni certigis al ni, ke .... „jus alvenis S-ino Farges".

.·. Leterkesto de l'Redakcio de „Kongresa Gazeto" estas sur la vendotablo de Esperantia Librejo (UEA) en la Vendejo (1-a etaĝo de l'Kazino).

Sekretarioj de Fakaj kunsidoj bonvolu verki malgrandajn raportetojn kaj ilin meti en tiun leterkeston ĉiutage antaŭ la 11-a horo. Skribu legeble!

.·. La kliŝajojn videblajn en tiu Nº ni dankas al la afableco de la presejo Haller.

# Tra la mondo

*Stockholm.* — Dum manovroj de l'sveda militŝiparo, kanonŝipeto dronis.

*s'Gravenhag.* — La membroj de l'Pac-Kongreso inaŭguris buston de S-ro Brotius kaj sendis saluttelegramon al S-ro Carnegie.

*Bruxelles.* — Franca studento sin jetis vestitan en la akvon por savi S-ron Richard, belga deputito, kiu dronis en la maro.

*Berlin.* — S-ro de Bar, ano de la internacia arbitracia tribunalo de Den Haag mortis 78-jara dum vojaĝo en Oxford.

*Roma.* — Dum ĉasado de l'reĝo Vittore Emannele en Piemonto, roko falis sur ĉasgardiston apud la reĝo, kiu ne estas vundita.

*Messina.* — Tertremo dum kvin sekundoj sen akcidento.

*Rio-de-Janeiro.* — Revoluciemaj okazajoj en Manaos; publikaj domoj brulis.

*Sofia.* — Speciala sendito portis al Bukuresti la packontrakton.

*Edinburgh.* — La „suffragettes" bruligis du domojn.

*Zurich.* — Mortis S-ro Weber, rektoro de l'Teknika Supera Lernejo en Winterthur.

*Reims.* — Franca aviadisto Reveillard preskaŭ mortis pro motorbicikleda akcidento.

*Paris.* — S-ino Hardi Mirza redonis al sia edzo la poŝtmarkojn valorantajn 20,000 frankojn, kiujn ŝi estis ŝtelinta. La edzo reprenis sian plendon.

*Pola.* — Dum artileriaj manovroj, tri soldatoj estis mortigataj kaj du grave vundataj.



Fritz Merz
Financa Komitato



Jules Perlet
Loĝada Komitato



Charlotte Pulvers
Kongresa Libro



Max Burghold
Plezura Komitato



Kurt Burghold
Polica Komitato

## *Tramlinioj*

Nº 1 (blua). — *Ursejo (Bärengraben) - Kazino - Stacidomo (Bahnhof) - Tombejo (Friedhof).*

Nº 2 (blua). — *Returnen.*

Nº 3 (blanka). — *Mattenhof-Stacidomo (Bahnhof)-Kazino-Kursaal Schänzli-Breitenrain.*

Nº 4 (blanka). — *Returnen.*

Nº 5 (ruĝa). — *Burgernziel-Historia Muzeo-Kazino-Stacidomo - Universitato (Hochschule) - Länggasse.*

Nº 6 (ruĝa). — *Returnen.*

Nº 7 (flava). — *Brückfeld - Stacidomo - Wabern (al monto Gurten).*

Nº 8 (flava). — *Returnen.*

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO

OFICIALA

# KONGRESA GAZETO

N-o 2 Aldono al ESPERANTO 25 Aŭgusto 1913

REDAKCIA LETERKESTO EN LA AKCEPTEJO

*La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum la Kongresoj kaj kostas 10 centimojn po Numero*

OKAZONTAĴOJ

### Mardo 26 aŭgusto

8 h. 30 Fakaj kunsidoj en la Universitato (Lingva Komitato, Studentoj, Junuloj, Bontemplanoj).

9 h. Funebra meso en memoro de *Abato Richardson*, en la preĝejo Trinitatis (Taubenstrasse).

10 h. 15 **Unua Labora Kunsido de UEA** en la Kazino, 1a etaĝo, ĉambro 2.

*Tagordo:*

Raporto pri la agado de UEA. Rap. 1a. (H. Hodler.) Financa raporto. Raporto 2a. (Ed. Stettler.)

3 h. **Unua ĝenerala Labora Kunsido** en la Kazino, ĉambro 2. (Ne ankoraŭ fiksita tagordo.)

5 h. 15 Fakaj kunsidoj en la Universitato (liberpensuloj, kristanoj, kuracistoj, inĝenieroj, arĥitekturistoj).

6 h. Internacia ligo por etiko kaj kulturo.

8 h. 1/4 Teatra prezentado de *„Patreco“* kaj *„Ginevra“* en Varietea Teatro, Hirschengraben. (De mardo matene biletoj estos disvendataj al ne-Esperantista publiko; do Kongresanoj tuj rezervu siajn lokojn en la Akceptejo. Biletoj de 1 ĝis 5 frankoj.)

OKAZINTAĴOJ

## KONGRESO DE ESPERANTO

### La malferma kunsido

Meze de nepriskribebla entuziasmo D-ro Zamenhof, sekvata de la organiza Komitato, de la konstanta Komitato de la Kongresoj kaj de la naciaj delegitoj, eniras la podiumon de la belega kaj vasta salonego de la Kazino. Ĝis nun malmultaj kongresejoj estis tiel lukse konstruitaj, ke oni kvazaŭ ne bezonis ilin pliornami per okazaj dekoraciajoj. Tuj, akompanata de la orgeno, kiun majstre ludas S-ro orgeninspektoro Locher, eksonas la himno Espero, kiun ĉiuj Kongresanoj ĥore kantas. La impreso estas ĉiam grandioza kiel kutime, sed precipe impresiga por tiuj, kiuj unuafoje ĉeestas nian jaran internacian manifestadon.

Post longaj aklamoj G-lo Sébert, prezidanto de l'K. K. K., pro foresto de S-ro D-ro Mikolajski, malfermas la kunsidon. G-lo Sébert proponas elekton de jena kongresa estraro: Prezidanto: S-ro J. Schmid; vicprezidantoj: S-roj de Saussure kaj Ed. Stettler; ĝenerala sekretario: S-ro G. Chavet. La K. K. K. estis intencinta proponi kiel prezidanton S-ron de Saussure; sed tiu pro sia sanstato devis lasi tiun taskon al alia persono elektota de la Kongreso. Plie, naciaj vicprezidantoj estas: Kolonelo Robinson (Britujo), S-ro Rollet de l'Isle (Francujo), D-ro Arnhold (Germanujo). Tiu estraro estas aklame akceptita.

S-ro Chavet, ĉiam agema, komunikas salutojn al la Kongreso. El ilia amaso ni povas memori nur la jenajn, kiujn ni citas laŭ ordo de ricevo: 2-a tutruslanda Esperantista Kongreso en Kiew, Esperanta junularo en Wien, Bohema nacia konsilantaro en Praha, prof-ro Otto Simon, Rumanaj Esperantistoj, kiuj ne povas partopreni pro fratmortiga milito kaj skribas: „Vivu la paco inter la popoloj!“ Nederlanda katolika Esperantistaro, prelato Al. Giesswein, kiu ĉeestas la grandan Packongreson en den Haag, Bavara instituto de Esperanto, markizo de Spaletti, prezidanto de Hispana Ruĝa Kruco, S-ro Bruchs el Bolivio, F-ino Schäffer, S-ro Takahaŝin el Japanujo, grupo de Omsk, komerca Esperanta klubo de Melbourne, telegramo subskribita de dekses Esperantistoj en Bjelostok, 2-a Hungarlanda Kongreso de Esperanto, Asocio de poŝtistinoj en Wien, samideanoj el Kraków, S-ro Rosenstock, S-ro Rudnicki, samideanoj el Finnlando, redakcio de Pola Esperantisto, S-ro Grabowski, kiu sendis versajon, kaj multaj aliaj.

Poste S-ro Chavet konigas la liston de la oficialaj senditoj de l'ŝtatoj aŭ de gravaj internaciaj entreprenoj:

### Delegitoj de Regnoj, publikaj Administracioj kaj Internaciaj Asocioj

**Aŭstrio**

Iniciata Sindikato de Bohemujo en Praha: Pitlik.

Komerca ĉambro de Reichenberg: Wilhelm Heller.

**Costa-Rica**

La Regno: Locher, ĝenerala Konsulo en Bern.

**Germanujo**

Politeknika Supera Lernejo en Coethen: Rektoro D-ro Foehr.

**Hispanujo**

La reĝo de Hispanujo komisiis Kapitanon Perogordo por ĉeesti la Kongreson.

Ministro de Progresado, ĝenerala direkcio de komerco, industrio kaj laboro: D-ro Rafael de San Millan.
Hispana Ruĝa Kruco: Kapitano Perogordo.
Centro aŭtonomia de komerco kaj industrio de Barcelono: Anglada.

Svisujo

Ŝtatkonsilantaro de la Kantono de Bern: S-ro Emil Lohner, direktoro de la publika instruado de la kantono.
Burĝestraro de Bern: S-ro von Büren-von Salis.

Usono

Ŝtato Massachusetts: Pastro Horace Dutton.
„ Maine: Herbert Harris.
„ Pensylvania: Lewis B. Luders.

## Asocioj

Tutmonda Unio por Kristana Celado: Pastro Horace Dutton.
Internacia Ordeno de la Bontemplanoj: Tamke.
Internacia Asocio por la fondo de Mondlingva Oficejo: Rollier, vicprezidanto.
Kristanaj Junulaj Asocioj: Em. Sautter.
Internacia Oficejo de la Eldonistoj: Alfred Melly.

Tiam la honora prezidanto de l'Kongreso, S-ro kolonelo E. Frey, eks-prezidanto de la Svisa Federacio kaj direktoro de la Internacia Oficejo de la Telegrafoj, ekstaras; lia bela vizaĝo profunde impresas la ĉeestantaron, kaj inter ĝenerala atento li parolas en germana lingvo. Li malfermas kongreson kaj bonvenigas la Esperantistojn en la lando, „kies neŭtrala teritorio jam ofte estis la scenejo de gravegaj internaciaj traktaĵoj kaj decidoj". Li memorigas la Duan en Genève sub honora prezido de la eminenta filozofo Ernest Naville, kiu diris: „De antaŭ multaj jaroj mi estas konvinkita, ke internacia lingvo estas la natura, la *necesa* rezultato de la civilizado kaj precipe de la ĉiam kreskanta piimultiĝo de transport-rimedoj. Por homoj, kiuj pliproksimiĝas ĉiutage unu al la alia, pli grave estas ĉiutage trovi interkomprenilon." Kaj S-ro Frey mem aldonas: „Tiu aserto por mi estas same firma kiel geometria aksiomo."

„Krei kaj vivigi internacian lingvon signifas fari al la homaro nemezureblan servon, servon, kies gravecon nur tiu povas estimi, kiu konas la murojn starigitajn inter la popoloj per la diverseco de lingvoj. Int. lingvo konstruos pontojn super tiu fosaĵo kaj ebligos al la anoj de diversaj lingvoj kaj gentoj la interŝanĝadon de siaj ideoj kaj la atingon de la plej alta celo akirebla en la granda familio de popoloj la *toleremo*. La toleremo en la vivo de l'popoloj signifas la finon de malpaco kaj malamo kaj estas la unua paŝo — ne por la forigo de la nacia ideo — sed por la interfratiĝo kaj reciproka amo."

Tiu bela parolado, poste tradukita de F-ino Häberli, estas tre aplaŭdata pro la altaj sentoj, kiujn ĝi montras, kaj pro la eminenta personeco de S-ro Frey.

S-ro Kistler, reprezentanto de la registaro de l'Kantono Bern, deziras bonvenon al la Esperantistoj en la lando de libereco.

Nun reeksonas la orgeno, mallaŭte, grize, kvazaŭ en nebulo; montriĝas amaso ŝanceliĝanta, en kiu disaj homoj sin serĉas; sed kiam ili sin renkontas, ili ne interkomprenigas, kaj pro tio eksplodas bruego de barakto kaj milito; dia fulmotondro aŭ homa kanonbruo surdigas, kaj el tiu konfuzo oni aŭdetas ĝemojn de l'malfeliĉa homaro; sed anĝela voĉeto nun aŭdigas la lastajn sonojn de l'Espero; timeme, sed obstine tiu voĉo pliaŭtiĝas, kaj fine en gloro jen estas la triumfa apoteozo de l'paca homama sento, kiu nun regos la tutan teron. Sed vortoj ne sufiĉas inde priskribi la beleg-econ, la ravan artecon de tiu orgena improvizado de l'majstro Karl Locher, orgeninspektoro.

S-ro Rollier salutas la Kongreson je la nomo de la kontoro por la alpreno de internacia lingvo kaj rekonas la gravecon de Esperanto.

S-ro rektoro Boirac, prezidanto de la Esperantista Akademio, devas plenumi sanktan kaj malĝojigan devon, li elvokas la memoron de l'mortintaj kunbatalantoj. D-ro P-ro Dor, la amiko de l'malriĉuloj en Lyon, kiu estis antaŭ tridek jaroj rektoro precize de la Bern'a Universitato, mondfama okulisto, nin forlasis preskaŭ tuj post la Kraków'a Kongreso, kiun li ne povis ĉeesti malgraŭ lia deziro ĉiam helpi T.E.K.A. Sed ŝajnas, ke la morto prokrastis ĝis lasta momento siajn frapojn por fari ilin pli kruele. De Ladevèze, tiu franco el Marseille, kiu ludis tiel gravan rolon por la propagando en Germanlando kaj precipe en Hamburg, kie li loĝis; se li malaperis, tamen lia bonega verko „Demandaro" restos. Carlo Bourlet estis varbita al Esperanto en 1900 de P-ro Ch. Méray de la Dijon'a Universitato, kaj de tiam ne estas eble kalkuli liajn servojn al nia afero; ni perdis plej energian propagandiston, kiu inter aliaj sukcesis favorigi al nia movado la potencan Turing-Klubon de Franclando kaj la firmon Hachette. La lasta, kiun kovris tero antaŭ tri tagoj, estas Abato Richardson, kiu estis sin tute doninta al la Esperanta movado inter katolikoj kaj kiu preparis la baldaŭan kongreson en Roma; dank'al li, malgraŭ lia malĝojiga foresto, tiu kongreso sukcesos post kelkaj tagoj.

S-ro Schmid proponas, ke la ĉeestantaro solene leviĝu por funebre honori tiujn mortintojn; emocio tiam regas en ĉiuj koroj.

S-ro P-ro de Saussure faras sian solenan paroladon ofte aplaŭdatan, kiun ni aparte publikigos.

Poste sekvas longa vico de la alparoladoj de diverslingvaj naciaj delegitoj:

## Naciaj Delegitoj

**Aŭstrio-Hungarujo**
Germana lingvo: D-ro Albert Engler.
Itala lingvo: D-ro Ghez.
Hungarujo: S-ro Vaniĉek.

**Belgujo**
F-ino Maria Posenaer.

**Bulgarujo**
Ivan Krestanov.

**Britujo**
Kolonelo J. Pollen.
Skotlando: W. Ross.
Irlando: D-ro Jameson Johnston.
Kimrujo: Jack Edwards.

**Danujo**
J. Lunbach.

**Finnlando**
K. von Frenckell.

**Francujo**
Profesoro Raoul Bricard; Sergeant.

**Germanujo**
Profesoro Ledermann; D-ro Mybs.

**Gibraltar**
Kolonelo Pollen.

**Hispanujo**
Kapitano Perogordo; D-ro de San Millan.
Kataluna lingvo: Alfonso Sabadell.

**Italujo**
Pier Carlo Monti, Attilio Vaona.

**Nederlando**
Vermaas.

**Portugalujo**
Rodolfo Horner.

**Rusujo**
D-ro Andreo Fiŝer, S. Obruĉev.

**Svedujo**
Teodor Rosengren.

**Aŭstralio**
F-ino Sinotte.

**Oceanio**
Malajaj Ŝtatoj: Ariffin.

Nun dum strečita atento de ĉiuj kongresanoj, S-ro Generalo Sébert, ano de la Franca Instituto, ekstaras, kaj je la nomo de l'tutmonda Esperantistaro diras ĝian senfinan dankemon kaj admiron al S-ro D-ro Zamenhof pro lia majstra verko. Li transdonas al la prezidanto de la Kongreso, S-ro Schmid, oran medalon, kiu prezentas unuflanke la bildon de tiu, kiu ne volas esti Majstro kaj aliflanke artan simbolon de Esperanto. Tiu medalo estas elpensita de S-ro de Saussure, laŭ la spesmila sistemo; similajn arĝentajn povos aĉeti ĉiuj Kongresanoj. S-ro Schmid sendas belan Svisinon nacie vestitan por donacprezenti al la Majstro tiun ĉefverkon. La staranta ĉeestantaro entuziasme aplaŭdas kaj ovacias la kreinton de la sola reala kaj praktika helpa lingvo. Dume alia Svisino prezentas al tre afabla S-ino Zamenhof belan bukedon da ruĝaj rozoj surhavantan svisfederacian blankan krucon el edelvejsoj.

Post diversaj komunikoj de la ĝenerala sekretario, S-ro Schmid fermas la kunsidon, kaj dum la eliro S-ro Locher lastfojon sonigas sian orgenon. *L. P.*

**Marŝado de la Kongresanoj**

Dimanĉon, je la sesa amasiĝas sur la Herrengasse antaŭ la Kazino ĉirkaŭ la naciaj flagoj la mil Kongresanoj. Dank' al agemo de l' Komisionanoj ordo baldaŭ regas, kaj sekvante la urbmuzikistaron, kiu ludas gajajn marŝariojn, la tuta Kongresanaro ekiras tra la Marktgasse kaj la Spitalgasse ĝis la stacidomo kaj de tie tra la Christoffelgasse, preter la monumento al la Universala Poŝta Unio, tra la Bundesgasse ĝis antaŭ la Federacia Palaco. Multaj Kongresanoj portas verdajn flagojn. La stratoj estas superplenaj je Bernaj kaj fremdaj rigardantoj, kiuj tre interesiĝas. Sed kiam la sekvantaro alvenas sur la Bundesplatz, la rigardantoj estas tiel multegaj, ke oni devas iom atendi autaŭ ol grupiĝi. Tiam la urbmuzikistaro solene ludas la svisan nacian himnon; ĉiuj kapoj senĉapeliĝas, kaj ĉiuj, nepre ĉiuj, kantas tiun himnon al libereco. Kaj nun tra la Amthausgasse reekmarŝas la Kongresanaro ĝis la Kazino. Tie, sur vasta balkono, S-ino kaj D-ro L. L. Zamenhof, ĉirkaŭitaj de la estradaj eminentuloj, kiuj intertempe trinkis teon. La sekvantaro helike amasiĝas kaj haltas antaŭ la balkono. Post ovacio al la kreinto de Esperanto, la Kongresanoj ĥore kantas la Esperon akompanatan de la urbmuzikistaro. Dum tiu kantado, la vidaĵo, el la balkono, de la placo tute nigra je homoj estis tre impresiga.

**Elektra lumigo de la Katedralo**

Dimanĉon vespere je la 9-a, la Katedralo estis tre bele lumigata per elektro dank'al la Bern'a Societo por la Fremduloj. Tiu lumigo tre efike reliefigis la admirindan gotikan konstruaĵon.

**Diservoj**

Tri diservoj okazis dimanĉon matene; la hebrea en la Sinagogo kun prediko de S-ro Rabeno Saphra; la protestanta en la preĝejo Heiliggeist kun prediko de S-ro Pastro Rust; la katolika en la preĝejo Trinitatis kun prediko de S-ro Abato Raici, el Buda-Pest.

# MALFERMA PAROLADO

de

## S-ro R. DE SAUSSURE

*Kara Majstro, Doktoro Zamenhof,*
*Estimata honora Prezidanto kaj Oficialaj Delegitoj,*
*Estimataj kongresanoj,*

Lastan jaron, ĉe la 8-a universala Kongreso de Esperanto en Krakovo, D-ro Zamenhof en sia oficiala parolado faris al la Esperantistaro deklaron tute ne atenditan:

„Konsciante — li diris — ke, ĝis sia plena fortikiĝo, nia afero bezonas ian enkorpigitan standardon, mi — laŭ via deziro — dum 25 jaroj plenumadis tiun rolon, kiel mi povis, kaj mi permesadis, kvankam tre nevolonte, ke vi vidu en mi ĉefon kaj Majstron. Sed nun permesu al mi, ke mi fine formetu de mi tiun rolon. La nuna kongreso estas la lasta, en kiu vi vidas min *antaŭ* vi; poste, se mi povos veni al vi, vi ĉiam vidos min nur *inter* vi."

Kaj inter la diversaj kaŭzoj, aluditaj de D-ro Zamenhof, por klarigi sian decidon, li diris interalie:

„Nun, kiam nia afero estas jam sufiĉe forta, estas necese, ke ĝi fine fariĝu absolute libera, ne nur libera de ĉiuj personaj *dekretoj*, kia ĝi fariĝis jam antaŭ 25 jaroj, sed ankaŭ de ĉiu efektiva aŭ ŝajna persona *influo*. Estas necese, ke la mondo sciiĝu tute klare, ke Esperanto povas havi aŭ ne havi siajn elektitajn gvidantojn, sed ke ĝi posedas nenian konstantan *Majstron*."

Fininte sian paroladon, D-ro Zamenhof kredis, ke li povas tiam tute simple forkuri de la publika scenejo, ofenda por lia modesteco, kaj sin kaŝi inter la multnombraj kongresanoj; kaj efektive li forlasis la oficialan podiumon, kie sidas kutime la kongresestraro kaj malaperis en la popolon Esperantistan. Tiel surprizitaj estis la kongresanoj, ke ili eĉ faris nenian provon, reteni perforte la Majstron sur la podiumo.

Sed nun pasis preskaŭ unu jaro, kaj pripensinte la aferon, multaj Esperantistoj, se ne ĉiuj, venis al la konkludo, ke, kiel ajn doloriga estas por ili la decido de nia Majstro, ĝi tamen estas decido grandanima, kaj bonefikonta sur la estontecon de nia movado. D-ro Zamenhof, kvankam li ĉiam portas okulvitrojn, estas homo tute ne miopa, kaj la demandon pri lingvo internacia li juĝas de punkto tre alta kaj foren videbliganta. Li komprenas, ke la homa vivdaŭro estas tempo tre mallonga kompare kun la tempo postulita, por plene efektivigi la realigon de lingvo internacia. Jam dum 25 jaroj li fervore kaj senlace direktadis la movadon Esperantistan tra ĉiuj malhelpoj kaj kontraŭventoj: la infano „Esperanto" estas nun plenkreska, kaj alvenis la tempo, kiam ĝi *devas* sin disigi de la patro, por konkeri la mondon per siaj propraj fortoj. Certe tiu momento estas doloriga por la filo, kaj ankaŭ — mi kredas — por la patro; sed por ambaŭ ĝi estas esperplena matenruĝo de komencanta nova periodo.

Tamen, kvankam ni ne volas kontraŭstari al la decido de D-ro Zamenhof pro tio, ke li juĝas ĝin oportuna, utila kaj eĉ necesa por la movado Esperantista, kvankam ni ne povas malhelpi, ke li jam lastan jaron demetis sian oficialan rolon, ni almenaŭ ne volas permesi al nia majstro, ke li forlasu sian oficon tiel nerimarkite, kvazaŭ nenio grava estus okazinta. Pro tio, kara Majstro, permesu nun al mi, esprimi al vi *oficiale* la profundan dankon, admiron kaj amsenton de la tuta Esperantistaro, ne nur por via genia verko, sed precipe ankaŭ por la nova sento, aperinta en la mondon antaŭ 25 jaroj kaj nun enkorpigita en Via modesta persono.

La Organiza Komitato decidis solenigi la transiron de la unua al la dua periodo de nia historio per la stampigo de memoriga ora medalo, kiun nia kolego S-ro Jakob Schmid oficiale prezentos hodiaŭ al D-ro Zamenhof, je la nomo de la tuta kongresanaro kaj sendube ankaŭ kun la aprobo de la tuta Esperantistaro.

La unua periodo de la Esperantista historio forpasis: vivu la dua! Ĝi estu la decida periodo, dum kiu Esperanto enradikiĝos pli forte en la tuta mondo! Vivu la IX-a Kongreso kaj vivu Zamenhof!

Mi estus dezirinta en tiu parolado, fari resumon de la verko de Zamenhof kaj de la historio de Esperanto dum la lastaj 25 jaroj; sed la limigita tempo, kiun mi disponas, ne permesas tion; mi devas lasi tiun taskon al pli kom-

petentaj personoj, des pli, ke dum tiu-ĉi jaro aperis en la esperanta literaturo bonaj historioj de Esperanto, kies legadon mi rekomendas al ĉiuj.

Mi volas nur diri al nia Majstro, ke, kvankam la tempo de lia oficiala rolo estas nun pasinta, ni ne ĉesos vidi en li la amatan simbolon de Esperanto, kaj la samideanoj sincere esperas, de dum ankoraŭ multaj jaroj ili havos la ĝojon vidi lin inter si. *(Daŭrigota.)*

# GINEVRA

En tiu originala Esperanta teatraĵo S-ro Edmond Privat prezentas la personojn de la malnova Kelto-Kimra legendo pri reĝo Arturo kaj la kavaliroj de la Ronda Tablo. La reĝo Arturo estas altanima, mistike idealista monarko, kiu plenumas nur sian altan popolkondukantan rolon. Nek en siaj zorgoj, nek en sia alta idealo li partoprenigas sian edzinon, la belan reĝinon Ginevra. Tio suferigas ŝian noblan koron kaj senteman animon. Franca kavaliro Lancelot amas la reĝinon kaj ricevas de ŝi nur tute ĉastan amon, ĉar ŝi deziras resti fidela al respektata kaj grandanima edzo. Ŝi eĉ postulis de Lancelot, ke li longe forrestu de ŝi, sed la reĝo mallerte sendas Lancelot por distri la reĝinon unu tagon kiam ŝi desiris diskuti kun li pri reĝaj aferoj. Spionema princo Modredo deziras krei skandalon, kalumnie perfidas la ĉastajn geamantojn parolante al la reĝo Arturo kaj aranĝas draman kaptilon por surprizi Lancelot kaj la reĝinon dum tute honesta renkontiĝo en la reĝina ĉambro.

Krom ĉefa peozia kaj literatura valoro por nia lingvo, la dramo entenas delikatan psikologian observon pri danĝera kulpo de idealiste egoista granda viro, kiu maljuste ignoras la altan valoron de virina kunlaboro por socia bono.

Kvankam la dramo entute plene akordiĝas kun tempo, moroj kaj poezieco de tiu malnova legenda epoko, la aŭtoro sukcesis enmeti ankaŭ aktualan kaj ĉiutempan homan intereson.

Ni ne dubas, ke la konataj geaktoroj de la Reĝa Flandra Teatro, kiujn ni jam aplaŭdis en Antverpeno, donos per sia talento meritatan sukceson al tiu nova verko de nia ŝatata kunlaboranto Edmond Privat, kaj artan ĝuon al ĉiuj kongresanoj. A. R.

# „PATRECO"

Ni renkontis S-inon M. Wolf, la tre ŝatindan aŭtorinon de l'vivdramo „Patreco", kaj ni al ŝi demandis, kiun celon ŝi volis atingi per sia verko. Tre afable ŝi bonvolis respondi:

„Patreco estas la rezulto de meditado kaj kompato; medito pri tro ofte okazanta fakto, kompato al la malfeliĉa junulino trompita kaj forlasita, kompato al la senhelpa infaneto. Estas verŝajne tiu kompato, kiun oni sentas tra la tuta verko, kiu sukcesigis la francajn prezentadojn."

Ni do esperas, ke ĉiuj kongresanoj ĉeestos kaj aplaŭdos tiun dramon, kaj antaŭ ol foriri el Bern akiros ĉe la Esperantia Librejo la libron, kiu estos por ili altvalora memoraĵo. L. P.

# Tra la kongreso

.·. Nelacigebla propagandistino, jam de ĉiuj bone bonata, estas F-ino Gérard, Konsulino de UEA en Paris. Ŝi kuraĝe alprenis novan taskon: ŝi reklamas por la Xª Kongreso en Paris, kaj disdonas aliĝilojn, kaj kolektas enskribiĝojn. Aliĝo kostas 15 frankojn, kaj 14 estos redonataj, se ĉeesto de l' Kongreso ne estos ebla. Nur aliĝintoj ricevos de januaro 1914 la ĉiumonatan specialan gazeton de l' Kongreso. Se, nekredeble, iu ne konas ŝin, oni povos facile rekoni F-inon Gérard: malhelverda robo kun nigraj punktoj, blanka ĉapelo kun blua ruĝa rubandeto (Paris'aj koloroj).

.·. La Akceptejo estas malfermita de la 8-a ½ matene ĝis la 6-a ½ vespere.

.·. La Kongresa poŝtoficejo estas malfermita de la 8-a matene ĝis la 7-a vespere.

.·. La Vendejo estas malfermita matene de la 8-a ½ ĝis la 12-a kaj posttagmeze de la 2-a ĝis la 6-a.

.·. Lundon, merkredon kaj vendredon vespere je la 8-a ½ en la katedralo okazos belegaj orgenaj koncertoj; enirpago: 1 franko. La orgeno, konstruita en 1849, havas 65 voĉojn.

# Tra la mondo

*New-York.* — Oni trovis sub la ĉambro de urbestro S-ro Gaynot, en City Hall, kvin kartoĉojn de dinamito, kiuj estus povintaj eksplodigi la tutan domon.

*Washington.* — Prezidanto Wilson mem sin prezentos antaŭ la Deputitaron kaj la Senaton por legi la proklamon pri la meksikaj aferoj. Li klarigos, kion Usono faris por restarigi la pacon.

*Cagliari.* — Sardenjaj arbaroj brulas.

*Londono.* — Brulado okazis en la petroltenejoj de la Standard Oil.

*Berlin.* — Princino Friedrich-Wilhelm naskis filinon.

*Parizo.* — Generalo de Négrier mortis sur la ŝipo *Reĝo-Herold* dum vojaĝo al Spitzberg.

*Pola.* — Vic-admiralo grafo Lanjus mortis pro vundoj post la pafakcidento.

*Saint-Tropez.* — Okazis la entombigo de Emile Ollivier.

*Hago.* — La ferma kunveno de la Pac-Kongreso okazis sabaton. La Kongreso kunvenos en Vieno dum 1914 kaj en San Francisko dum 1915. La Kongreso decidis sendi telegramon al la prezidanto de Usono por danki lin pri lia sintenado kontraŭ pacifistoj. Ĝi akceptis rezolucion por peti, ke la Usona registaro ne konstruu fortikajon sur la Panama kanalo.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO




235

OFICIALA

# KONGRESA GAZETO

N-o 3 Aldono al ESPERANTO 26 Aŭgusto 1913

REDAKCIA LETERKESTO EN LA AKCEPTEJO

*La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum la Kongresoj kaj kostas 10 centimojn po Numero*

## OKAZONTAĴOJ

### Merkredo 27 aŭgusto

8 h. 30 Fakaj Kunsidoj en la Universitato (Scienca Asocio, fizikistoj, ĥemiistoj, ruĝkrucanoj, socialistoj, E. L. A.).

10 h. 15 **2-a Labora Kunsido de UEA** en la Kazino (ĉambro 2, 1-a etaĝo). Ĉiuj Kongresanoj rajtas ĉeesti, sed nur Esperantianoj voĉdoni.

*Tagordo:*

Financa raporto. Rap. 2-a (Ed. Stettler).
Raporto pri la Interŝanĝa Fako. Rap. 3-a (M. Lévy).
Raporto pri la Studenta Fako. Rap. 4-a (J. Mareŝ).
UEA kaj ne-Esperantistoj. Rap. 5-a (R. Perez).
Pri Esperanto diplomoj. Rap. 6-a (Th. Rousseau).

12 h. 15 Oficiala festeno en la Kazino (3 frankoj; antaŭmendu biletojn).

3 h. *(tre precize)* Fotografado de la tuta Kongresanaro sur la piedpilkludejo, malantaŭ la Historia Muzeo, trans la ponto Kirchenfeld.

3 h. 1/2 **2-a Ĝenerala Labora Kunsido** en la Kazino (ĉambro 2), (Ne jam fiksita tagordo).

5 h. 1/4 Fakaj kunvenoj en la Universitato (teozofoj, juristoj, instruistoj, progresemuloj, ekzamenoj de la Internacia Instituto de Esperanto).

8 h. 1/4 Granda Koncerto de la Bern'a Virĥoro, Kvarteto kaj Solistoj, en la Kazina Ĉambrego.

## OKAZINTAĴOJ

# KONGRESO DE UEA

### Solena malferma kunsido

Ĝi okazis lundon vespere je la 3-a en vasta ĉambrego de l' Kazino. De unu jaro, la Komitato de UEA meritis nur unu riproĉon, nome ke ĝi elektis por tiu grava kaj interesega manifestado tro malvastan ĉambron: ne kvincent personoj povis eniri, kaj multaj devis staradi, kaj ĉiuj suferetis pro varmo. Sed tiu riproĉo ne estas tute meritita, ĉar la elekto de la ĉambro estis bazita sur antaŭaj spertoj en Antwerpen kaj en Kraków, kie vere tro malmultaj personoj ĉeestis. Sed hieraŭ estis plene triumfa sukceso, kiu plej trafe pruvis la nepran interesegon, kiun ĉiuj Esperantistoj, eĉ ne Esperantianoj, havas por nia jam kvinjara tutmonda Asocio.

La tre ŝatata Prezidanto de UEA, S-ro H. B. Mudie nun vojaĝas, kaj ne por plezuro, en Kanado. Do S-ro Rousseau, Vic-Prezidanto de UEA, lin anstataŭis kaj mem prezidos la tutan Kongreson de UEA.

Sur la estrado ĉeestas, ĉirkaŭ S-ro Rousseau, S-roj Generalo Sébert, Hodler, Stettler, Privat, Schmid, Rollet de l'Isle, Arnhold, Kolonelo Pollen, von Frenckell, Luders kaj aliaj.

Estis ne atendita kaj agrabla surprizo, kiam bonega opera orĥestro eksonigis, sub direkto de l' majstro Herrmann, la Uverturon de la Edziĝo de Figaro (Mozart). Cetere, inter la paroladoj, sekvis aliaj muzikajoj: Valso Laura (Milöcher), Geedziĝa Marŝo (Mendelsohn), Largo (Haendel).

S-ro Rousseau malfermas la 4-an Kongreson de UEA, kaj transdoninte diversajn salutojn, li faris antaŭ la tre atentema publiko sian malferman paroladon, en kiu oni retrovis la precizemon, kiu lin karakterizas. Tiu parolado, kiu havis grandan sukceson, aperos aparte en nia Kongresa Gazeto „Esperanto".

S-ro Rousseau donas la parolrajton al S-ro kolonelo Pollen, kiu legas la tekston de la parolado de S-ro H. B. Mudie, prezidanto de UEA. Spritajn vortojn li aldonas, kaj, laŭ aklame akceptita propono de S-ro Rousseau, la 4a Kongreso decidas sendi al S-ro Mudie salutan kaj dankan leteron.

S-ro Schmid, komitatano de UEA kaj prezidanto de la Organiza Komitato de l'Bern'aj Kongresoj, salutas la Kongreson kaj deziras bonvenon al la kongresanoj. Kiel prilaborinto de tiu grava kaj feliĉa decido, li memorigas, en kiaj kondiĉoj okazis la antaŭaj Kongresoj de UEA, kaj montras la profiton de la nova aranĝo aplikata unuafoje al tiu Kongreso, nome la opa kotizajo (al la Universala kaj al la Esperantia), kiu ne nur ŝparigas al la kongresanoj, sed ankaŭ donas al ili la eblon ĉeesti la kunvenojn de UEA kaj konatiĝi kun agado de nia Asocio.

S-ro Hodler, la tiel admire kompetenta direktoro de la C. O. de UEA (right man in the right place), tiam faras sian tre dokumentitan paroladon: *„Kiel nun staras UEA?"* Montrinte la rezultatojn de l'grava ŝanĝo en la statutoj, nome de la plialtigo de la kotizajo, malgraŭ kiu restis fidelaj preskaŭ 6000 anoj, li dankas al ĉiuj kunpenintoj, sed precipe al la modestaj delegitoj de UEA, kiuj ŝparis nek tempon nek klopodojn por konservi la plej grandan parton de la

antaŭaj membroj (9000). Li citas la 40 delegitojn, kiuj nun varbis pli ol 20 anoj kondiĉe, ke tiuj estu almenaŭ la du trionoj de la antaŭa jaro. S-ro Hodler, bazinte sian diron sur la sperto, insistas precipe pri la neceso de la individua varbado, kiu ĉiam liveris kaj liveros pli gravajn rezultatojn ol la ĝenerala tro universala propagando. Ni laboru internacie, sed ĉiu laboru individue. Tiuj tre pravaj ideoj estas tre favore akceptataj, kaj ĉiuj ĉeestantoj montras per siaj varmaj aplaŭdoj, ke li pravege parolis. Ni poste aperigos en la gazeto „Esperanto" la tutan tekston de tiu parolado, en kiu ĉiuj Esperantistoj kaj Esperantianoj plezure retrovos la metodan karakteron de nia dankinda direktoro kaj ricevos utilajn instruojn.

Laŭ propono de S-ro Rousseau unuanimaj varmegaj dankoj estas voĉdonitaj al la Direktoro kaj al la Vic-Direktoro de la C. O. de U. E. A.

Nun, nia malnova juna beletristikulo, la eminenta oratoro S-ro Privat komencas sian festan literaturan paroladon: *„La nuna tasko de Esperantismo"*. Rave, ĉarme, entuziasmige li parolas; la vortoj fluas, la frazoj flugas, kaj la ideoj svarmas. Analizi tiun paroladon estas simple neebla tasko. Cetere, kiel kutime, S-ro Privat parolas kvazaŭ senprepare; dum la parolado de S-ro Hodler li notis kelkajn vortetojn sur papereton, kaj tio sufiĉis. Sed nun ni ĉiuj petas S-ron Privat (ĉu ni devos postuli?), ke li, afable kiel ĉiam, bonvolu revoki siajn memorajojn kaj verki skribe sian nepriskribeblan paroladon, kiun ni plezure aperigos en nia Kongresa Gazeto. Tion deziras ĉiuj kiuj ĉeestis, ĉiuj kiuj staris premataj ekster la ĉambro, ĉiuj kiuj kontraŭvole ne povis veturi al Bern. S-ro Edmond Privat, ĉu vi rifuzos? Ne, ĉar ĉarma S-ino Privat kunigos sian peton al la nia, kaj ni sukcesos. Karaj legantoj, do zorge ellegu nian gazeton, en kiu baldaŭ estos presita la festa parolado de la plej elokventa kaj talenta paroladisto inter la Esperantistoj. Ĉu necese diri, ke entuziasmaj aklamoj salutis la finon de tiu parolado?

Post diversaj komunikoj de S-roj Rousseau kaj Stettler, grava deziresprimo estas unuanime, unukore, akceptata; nome ke de nun en ĉiu Universala Kongreso de Esperanto ununura sola kotizajo valoru ankaŭ por la Kongreso de UEA por ke tiel ĉiuj povu ĉeesti la instruajn kunvenojn de nia Asocio.

Je la 5-a 1/2, S-ro Rousseau fermas la kunsidon. *L. P.*

# KONGRESO DE ESPERANTO

### Fakaj Kunsidoj.

*Kuracistoj.* — (TEKA). Lundon je la 8-a 1/2 en la Universitato, kunsidis 25 TEKA-anoj sub prezido de S-ro D-ro P-ro Jameson Johnston, prezidanto de TEKA; oficis kiel protokolisto S-ro D-ro Christen. La prezidanto emocie kaj emociige elvokis la memoron de l' mortintoj, kaj precipe de respektegata D-ro P-ro Dor, prezidinto de TEKA, kiu antaŭ 30 jaroj estis rektoro de la Bern'a Universitato. Post legado de l'raportoj de la prezidanto, de la sekretario kaj de la redakcia sekretario de „Kuracisto", tiu kunveno, pure administra, unuanime voĉdonis honoran membrecon al S-roj D-roj Forel kaj Mybs. Sciencaj kunsidoj okazos mardon vespere kaj sabaton matene. J. J.

*Socialistoj.* — Lundon matene okazis en la Universitato la 1-a kunveno de la Esperantistaj socialistoj, kun ĉeesto de sesdek personoj, sub prezido de S-ro Hermant, internacia sekretario, helpata de S-ro Couteaux, protokolisto, unuanime elektitaj. Post parolado de la prezidanto, sekvis salutoj de anoj el diversaj nacioj: S-ro Tesch (Frankfurt), S-ro Jost (Zürich), D-ro Schulhof (Bohemujo), S-ro Cimr (Aŭstrio), S-ro Gouchon (Lyon), F-ino Fryer (London), S-ro Richter (Leipzig), S-ro Goodliffe (Letchworth), k. a. Oni decidas tuj prepari por la Bern'anoj grandan publikan propagandkunvenon, kiu okazos jaŭdon vespere kun partopreno de kelkaj plej konataj socialistoj en Bern. Paroladoj en Esperanto de ĉiunaciaj socialistoj estos tradukataj germanen. J. C.

*Instruistoj.* — En la Universitato kunvenis ĉirkaŭe 50 geinstruistoj reprezentantaj 15 naciojn diverslingvajn entute. Bedaŭrinde forestis la eminenta Prezidanto de I. I. A., P-ro Cart. Tial devis malfermi la kunsidon S-ro Jacob, el Antwerpen, sekretario-kasisto. Li unue petis bedaŭregan funebron stariĝon del'ĉeestantoj pro la morto de nia tiel altestiminda Abato Richardson. Poste li raportis pri la financa stato, kaj oni povis konstati la sindonon kaj ĝustemon de nia sekretario kaj ke oni povas lin fidi por konduko de nia afero en sukcesa vojo. S-ro Giraud je l'nomo de S-ro Aizière, franca prezidanto, raportis pri agado de l' franca societo instruista kaj faris merkredon diskutotan proponon pri federaciiĝo de l' naciaj esperantaj instruistaj societoj. Alinaciaj delegitoj ankaŭ iom parolis pri sialanda agado. S-ro Jacob gratulis forestantajn kolegojn Danajn kaj Saksajn, kiuj fondis nacian societon, kaj fine lin gratulis la tuta kunvenantaro pro lia senlaca kaj akurata laboro. Venonta kaj lasta kunveno okazos merkredon je la 5-a vespere samloke. Tagordo: 1e Elekto de duono el la estraro. 2e Internacia Federacio. — *A. G.*

*(Kongresa Gazeto raportas nur pri Fakaj Kunsidoj, kies sekretarioj sendis mallongan raporton. Leterkesto de l' Redakcio en la Akceptejo.)*

# Tra la kongreso

.·. Arta portreto de mortinta D-ro P-ro Dor, eks-rektoro de la Bern'a Universitato, mondfama okulkuracisto, prezidinto de TEKA, estas ekspoziciata en la Kazino. Tiu heliogravurajo estas aĉetebla ĉe la Vendejo de S-ino A. Farges, direktorino de Lyon'a Esperanto-Oficejo.

.·. S-ro Cotton, profesoro ĉe la Supera Normala Lernejo (Paris), jus ordenita Kavaliro de l' Honora Legio, alvenis kun sia juna edzino.

.·. La Kongresanoj bonvolu senprokraste aĉeti biletojn por la Oficiala Festeno (Fr. 3) kaj por la Ekskurso al Interlaken (Fr. 10).

.·. S-ino Edmond Privat, antaŭe malsaneta, tamen alvenis en Bern.

.·. Enterigo de Abato Richardson okazis lundon en Bossey (apud Genève).

.·. Alvenis hieraŭ en Bern S-ro Colas, ĝenerala sekretario de la katolikaj Esperantistoj, kiu nun lastpreparos la vojaĝon al Roma.

.·. Multaj leteroj alvenis por Kongresanoj en la Poŝtan Oficejon de l' Kongreso (Kazino, teretaĝo, ĉefa enirejo).

# MALFERMA PAROLADO

de

## S-ro R. DE SAUSSURE

(Sekvo.)

Kaj nun komencas nova periodo. Ne malantaŭen, sed antaŭen ni devas rigardi, ĉar ankoraŭ malfacila estas la vojo kaj granda estas la laboro.

Kiel junulo, adiaŭante la patron hejmerestantan, ni devas starigi la programon de nia nova vivo kaj ĝin organizi laŭ

niaj fortoj kaj vivrimedoj; ni devas ekzameni, kiamaniere ni devas anstataŭigi la oficialan rolon de D-ro Zamenhof, kaj kiamaniere ni povas kompletigi la nunajn instituciojn de Esperanto kaj de la Esperanta movado.

1-e. En niaj universalaj kongresoj *la malferman paroladon devas fari de nun la kongresprezidanto.* Tiu propono kompreneble ne venas de mi, kiu estas en malbona situacio, por ĝin fari; ĝi venas de Prof. Boirac, prezidanto de nia Akademio. D-ro Zamenhof unue proponis, ke S-ro Boirac faru la kutiman malferman paroladon anstataŭ li. Sed S-ro Boirac ne volis akcepti. Tion ni ĉiuj povas bedaŭri, ĉar li certe estus parolinta pli elokvente kaj pli kompetente ol mi; tamen mi opinias, ke li agis saĝe kaj por la bono de nia movado, ĉar povus esti malutile kaj eĉ danĝere, elekti iun el la Esperantistoj, eĉ la plej eminentan, kiel kvazaŭ heredonton aŭ posteulon de Zamenhof. „Se mi parolus tiun-ĉi jaron kiel prezidanto de la Akademio, skribis S-ro Boirac, — mi devus paroli ankaŭ proksiman jaron ĉe la X^a kongreso kaj ĉe la XI^a kaj ĉe la XII^a, k. t. p. Mi do opinias, ke multe pli logike kaj konvene estus, se tuj de nun la malferma parolado de niaj kongresoj estus farata de la Kongresprezidanto, kiel tio okazas en ĉiuj aliaj kongresoj internaciaj.“ Kaj S-ro Boirac aldonis, ke tio estis ankaŭ la opinio de la Konstanta Komitato de la Kongresoj (K. K. K.). Mi ne dubas, ke tiu propono estos favore akceptata de la Esperantistaro, ĉar per ĝi ni ne nur evitas la riproĉon, ke ni elektis novan kvazaŭreĝon anstataŭ Zamenhof, sed ni ankaŭ donas al nia nova organizo karakteron vere demokratan kaj bazitan sur egaleco de rajtoj por ĉiuj popoloj.

Se kelkaj malamikoj niaj malbonintence pretendis, ke la Esperantistoj havas reĝon, tion ili nun ne plu povos diri, ĉar laŭ la nova reĝimo Esperantistujo fariĝas respubliko vere demokrata. Tamen unu rimarkon mi deziras fari: la elekto de la Kongresprezidanto, kiel ĉeforatoro de la solena malferma kunsido estas certe tre taŭga, ĉar tiamaniere ĉiu nacio, unu post alia, havos la okazon esprimi siajn proprajn dezirojn koncerne la movadon Esperantistan, sed plej necese estas, ke la kongresprezidanto estu sole responda pri tio, kion li diras. Bonvolu do, mi petas konsideri mian nunan paroladon, kiel nuran esprimon de personaj opinioj, des pli, ke mi disponis tre mallongan tempon, por ĝin prepari.

2-e. Koncerne *la elekton de la ĉiujara prezidanto:* ĝis nun laŭ la regularo de kongresprezidanto estis elektata de la kongreso mem, post propono de la KKK, kaj tio signifas, ke la prezidanto estas elektita je la lasta momento: tiamaniere li ne havas la tempon, zorge prepari la tekston de la malferma parolado. Ni do esperu, ke iam kongreso ekzamenos tiun demandon kaj trovos por ĝi taŭgan solvon.

3-e. Koncerne *la Lingvan Komitaton kaj Akademion,* la decido de D-ro Zamenhof alportas en tiujn instituciojn nenian senteblan ŝanĝon. Ili estas, kiel antaŭe, nia supera kaj sola lingva aŭtoritato. La sola ŝanĝo alportata de la nova stato de aferoj estas eble la pligrandigo de la morala aŭtoritato de la Akademio kaj de la Lingva Komitato. Sed nun, ĉar ni devas organizi nian movadon sendepende de D-ro Zamenhof, ni devas konsideri la Lingvan Komitaton kaj la Akademion kiel la solajn lingvajn aŭtoritatojn.

4-e. Koncerne *la internacian organizadon de la Esperanta movado,* la nuna momento estas plej oportuna por definitive solvi tiun gravan kaj malfacilan demandon, kiu de kelkaj jaroj estas vigle diskutita kaj parte solvita per la kreado de Administra Komitato de la Centra Oficejo kaj de „rajtigitaj delegitoj“. Sed ekzistas ankoraŭ malfacilajoj, precipe pri la maniero kolekti la monon, necesan por subteni la centrajn instituciojn. Ĉar tiu demando, pri internacia organizado, kaŭzis multajn diskutojn pli — malpli akrajn, permesu al mi esprimi pri tiu temo kelkajn personajn opiniojn:

La ĉefa diferenco inter la Esperantista popolo kaj alia popolo politike organizita estas, ke ĝi ne havas kaj neniam povos havi ĝendarmojn, kaj sen ĝendarmoj oni ne povas *devigi* ĉiun apartan Esperantiston, aŭ ĉiun apartan Esperantistan grupon al obeo de leĝoj.

Efektive laŭ la Bulonja deklaracio:

„Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu uzas la lingvon Esperanto, tute egale por kiu celo li ĝin uzas. Apartenado al iu aktiva Societo Esperantista por ĉiu Esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga.“

Laŭ tiu teksto oni vidas: unuflanke, ke Esperanto estas lingvo kaj nur lingvo; aliflanke, ke krom la lingvo Esperanto ekzistas ankaŭ Esperantista *movado,* subtenata de Societoj. El tiuj societoj ĉiu havas sian specialan organizon, specialan celon, k. t. p.; ĉiu societo estas pli aŭ malpli grava laŭ la nombro de siaj anoj, sed ĉiu societo reprezentas nur la tutecon de siaj anoj kaj neniam la tutecon de la Esperantistaro.

Do la internacia organizado de la Esperantista movado estas kaj povas esti nenio alia ol la kreado de tutmonda societo aŭ Asocio Esperantista, kaj, laŭ la Bulonja deklaracio, la aliĝo al tiu nova asocio aŭ societo estas por ĉiu Esperantisto „rekomendinda“, sed ne „deviga“.

Nu, kial ĝis nun oni ne klare komprenis la veran karakteron de nia jus fondita internacia organizajo. Laŭ mi, estas nur pro tio, ke oni forgesis doni difinitan nomon al la nova tutmonda Asocio, ĉar la manko de difinita nomo kreas konstante konfuzojn. Kiam oni parolas pri „oficialaj institucioj“, „rajtigitaj delegitoj“, „centra oficejo“, k. t. p., oni povas sin demandi, al kiu rilatas tiu oficialeco, aŭ rajtigiteco, ĉar, se Esperanto estas nur lingvo, la esprimo „oficiala institucio de Esperanto“ povas nur signifi „institucion pure lingvan“, kiel ekzemple la Franca Akademio por la Franca lingvo. Sed se oni donus nomon al nia internacia organizajo, nomante ĝin ekzemple „Internacia Asocio Esperantista“, tiam neniu plu povus plendi pri la senco de la vortoj „rajtigita“, k. t. p., ĉar tiuj vortoj rilatas al la „Internacia Asocio Esperantista“ (IAE): *rajtigita delegito* signifus „rajtigita delegito de IAE“, „centra oficejo“ estus „centra oficejo de IAE“, tute same, kiel la internacia oficejo de la Telegrafoj en Bern estas nomata „centra oficejo de UUT“ (Universala Unio Telegrafa). Tiel la situacio fariĝus pli klara kaj sendube preskaŭ ĉiuj grupoj kaj societoj por propagando de Esperanto aliĝus propravole al la tutmonda Asocio. Tiuj grupoj, kiuj ne volus aliĝi al „IAE“, ne povus plu plendi, ke ili ne havas „rajtigitajn delegitojn“ ĉe la universalaj kongresoj, ĉar la „rajtigitaj delegitoj“ estus ne delegitoj de Esperanto aŭ de la Esperantistaro, sed delegitoj de „IAE“.

*(Daŭrigota.)*

## Letero de S-ro Bolingbroke Mudie al la Kongreso de U.E.A.

Karaj Esperantianoj,

Vere estas malĝojo por mi interrompi mian ĉeeston ĉe la brilanta serio da Kongresoj, kiuj kronas nian ĉiujaran laboradon, sed cirkonstancoj devigis min iri al Kanado, kaj la fakto, ke mi portos la verdan stelon en novan rondon da tre bone konataj personoj en tiu nova mondo, devas iomete konsoli vin se vi bedaŭras mian foreston. Sed pri kelkaj punktoj mi estas tute trankvila.

Unue pri la prezidanteco. Mia bonega kolego Rousseau plene montris sian kompetentecon, gvidi juste kaj laŭregule

la diskutojn pri nia multfaka temaro. Mi havas plenan konfidon, ke en li vi ĉiuj trovos tre kompetentan anstataŭanton en la prezidanta seĝo.

Revuante la progreson de la antaŭa jaro, mi trovas ĝin tre kontentiga. Malgraŭ la duobligo de la kotizajo, ni hodiaŭ havas pli ol 6000 membrojn, kies fervoro ŝajne konstante kreskas, kaj dank'al la energiemaj klopodoj de nia financministro kaj al la sindonema subteno de internaciaj kunlaborantoj, nia antaŭa bedaŭrinda financa situacio definitive pliboniĝis. Por tio plej korajn dankojn.

Ju pli mi identiĝas kun la esperanta movado, des pli mi konvinkiĝas pri ĝiaj rimarkindaj kvalitoj, kaj mi konscias pri la fakto, ke nepre post nur iom pli da klopodoj, la mondo subite ekvekiĝos kaj laŭte krios: Jen, la lingvo, kiun ni jam de longe serĉadis! Ĉiuj antaŭsignoj montras tian baldaŭan triumfon de nia lingvo.

En la brita ĉefurbo, Londono, ni havas la plezuron preskaŭ ĉiusemajne akcepti fervorajn samideanojn el diversaj landoj, kiuj kun miro raportas la ricevitajn servojn kaj la eltiritan plezuron kaj profiton provizitan de nia movado. Por ĉio, plejparte, estas responda nia kara D-ro Zamenhof, sed eĉ lia laboro ne estus plene kronita sen la diligentaj klopodoj, la konstanta sindonemo kaj la modesta kunlaborado de la miloj da homamantoj, kiujn mi estas fiera rekoni kiel Esperantianoj.

Ke vi elektis min prezidanto de tiu ĉi grava kaj vasta asocio, mi jam du-trifoje dankis vin, kaj mi kaptas la nunan okazon ripeti la grandan honoron, kiun vi faris ne nur al mi persone, sed al mia lando, elektinte min via prezidanto, sed kiel antaŭe, mi denove esprimas mian pretecon, tuj eksiĝi kiam aliaj pli kompetentaj, pli fervoraj partianoj de nia afero prezentos sin.

La energiaj komitatanoj de nia asocio, kun kiuj mi ĝojas diri, ke mi ĉiam restas en la plej koraj interrilatoj, povus diri al vi, ke mi opinias, ke la tre ofta ŝanĝo de altaj oficiroj kondukas al la plivigliĝo de societo, kaj se vi sampensas kun mi en tiu ĉi rilato, estu tute certa, ke mi neniel ofendiĝos en iu elekto, kiun vi deziras rekomendi.

Pri la ĉefaj demandoj, kiuj staras antaŭ ni por konsidero troviĝas unue la demando pri nia venonta kongresejo. Sufiĉe ofte ni esprimis la opinion, ke la intereso de la movado postulas, ke la kongreso tutmonda kaj nia kongreso okazu en la sama urbo, eĉ malgraŭ la fakto, ke la disponebla tempo restas tre malmulta. Mi devas konfesi, ke la plej agrabla kongreso, kiun la UEA iam ĝuis estis tiu ĉe Augsburg, kie la laboro farita estis multoble pligranda ol tiu de aliaj, sed Augsburg estis nia *unua* kongreso, kaj tion ni devas ne forgesi. Mi esperas, ke oni povos trovi rimedojn por kongresi en Parizo dum la granda kongreso, kiu estos ĉeestata de mi ne scias kiom da samideanoj. Mi ankaŭ esperas, ke oni povos trovi manieron, por fari kontentigajn aranĝojn por ambaŭ kongresoj. Ke la tempo alvenis kiam unu kotizajo por la du kongresoj estos efektivigebla mi havas nenian dubon, sed certaj malfacilaĵoj sin prezentas, kiuj kredigas min, ke eble ni devos iom pli atendi antaŭ ol ricevi tiun ĉi idealon. Mi tamen esperas, ke vi, per via unuanima voĉdono, konfidos al via komitato, kaj faras rekomendon ke se eble Parizo estu kunvenejo por la venonta kongreso.

Kiel via reprezentanto mi ĉeestis kongreson en Bruselo, kie aliaj propagandistoj de internaciaj lingvoj sin prezentis. Kelkaj oficiale sin turnis al mi por peti, ke la UEA akceptu ne nur Esperanton, sed aliajn internaciajn lingvojn. Mi tuj respondis private, ĉar mi sciis, ke la tempo bezonata por komuniki tian postulon al komitato estas longa, kaj mi donis mian malkaŝan opinion pri la neebleco kaj nedezirindeco de tia propono. Mi havas nenian dubon, ke la komitato estas unuanima pri tiu ĉi punkto, sed mi pensas, ke estus bone se vi ĉiuj unuanime substrekos paragrafon 3 de nia statutaro, kiu difinas la oficialan lingvon de la UEA.

# Tra la mondo

*Berlin.* — La princo de Wales alvenis.

*Bilbao.* — La gereĝoj alvenis vendredon vespere.

*Düsseldorf.* — La subdirektoro de grava banko forkuris kun 250.000 frankoj.

*Hago.* — La reĝino komisiis S-ron Cort van der Linden por formi ministraron.

*London.* — Sep mil personoj ĉeestis dimanĉe imponantan mitingon ĉe Trafalgar Square, memore al Bebel.

*Lons-le-Saulnier.* — S-ro Pichon, franca ministro de l'fremdaj aferoj ĉeestis festenon de la Mutualeco kaj faris gravan paroladon pri la jusa rolo de Franclando dum la lastaj okazintaĵoj.

*Madrid.* — Generalo Marina enŝipiĝis por veturi al Arzila, kie li konferencos kun generalo Sylvestre.

*Napoli.* — Sportulo Spognoletti havis gravan akcidenton en aŭtomobilo.

*New-York.* — Shaw dungis naŭ advokatojn. Policistoj en aŭtomobilo senĉese lin sekvas.

*Paris.* — Ĉiuj francaj gazetoj longe raportas pri la vivo de l'jus mortinta generalo de Négrier.

*Peterburgo.* — Franca misio, kondukita de generalo Joffre, forveturis.

*Port-Said.* — Krozŝipo Hamidié forveturis el Port-Said al Beyrouth kaj Konstantinopoli.

*Roma.* — Ĉefepiskopo de Skutari forveturis ne trafinte sian politikan celon.

*Roma.* — Grava popola kunveno okazis en Reggio por postuli la konstruon de kanalo Reggio-Modena-Mantua.

*Toleda.* — Ĉefepiskopo Aguirre, primato de Hispanlando, estas mortanta.

*Wien.* — La imperiestro donis al la itala generalo Caneva la plej altan ordenon de Sankta Stefano.

# Karavano de UEA tra Svisujo

Postkongresa vojaĝo tra Svislando estas organizata sub aŭspicioj de UEA kaj direktota de S-ro Poncet, Del. en Lyon. Ĝi forveturos el Bern lundon matene je la 8-a, kaj traveturos kaj vizitos: Thun, lago de Thun, Interlaken, lago de Brienz, Brienz, Meiringen, intermonto Brünig, Sarnen, Alpnachstad, lago de la 4-Kantonoj, Vitznau, Rigi-Kulm (sunsubiĝo), Arth-Goldau, Luzern, lago de la 4-Kantonoj, kapelo de Tell, Axenstrasse, Flüelen, Rütli, Brunnen, Axenstein, Luzern, Zürich; ĝi revenos en Bern ĵaudon 4-an de septembro vespere. Oni povos aliĝi nur por la 2 aŭ la 3 unuaj tagoj, aŭ poste viziti Sankt-Gallen, Konstanz kaj la lago (Bodensee), Schaffhausen, Basel kaj Neuchâtel, aŭ tra la tunelo Gotthard veturi al Itallando. Nur Esperantianoj estos akceptataj; detala programo kun prezoj aperos morgaŭ en Kongresa Gazeto „Esperanto".



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO

OFICIALA

# KONGRESA GAZETO

N-o 4 Aldono al ESPERANTO 27 Aŭgusto 1913

REDAKCIA LETERKESTO EN LA AKCEPTEJO

*La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum la Kongresoj*

*kaj kostas 10 centimojn po Numero*

**Kongresa Gazeto ne aperos la tagon de la Ekskurso al Interlaken.**

OKAZONTAĴOJ

### Ĵaŭdo 28 aŭgusto

Ekskurso al Interlaken. Rendevuo de la Kongresanoj antaŭ la 8-a matene en la ĉefstacidomo (en la bileteja halo). Biletoj antaŭe aĉetotaj po 10 frankoj (fervojo, vaporŝipo, tagmanĝo, vespermanĝo).

En okazo de malbela vetero, la ekskurso okazos vendredon kaj la vendreda programo efektiviĝos jaŭdon.

### Vendredo 29 aŭgusto.

8 h. ½ Fakaj Kunsidoj en la Universitato (studentoj, junuloj, liberpensuloj, vegetaruloj, fervojistoj, ELA).

10 h. ¼ **3-a Labora Kunsido de UEA** en la Kazino (ĉambro 2, 1-a etaĝo). Ĉiuj Kongresanoj rajtas ĉeesti, sed nur Esperantianoj voĉdoni.

*Tagordo:*

UEA kaj ne-Esperantistoj. Rap. 5-a (R. Perez).
Pri Esperanto-diplomoj. Rap. 6-a (Bord-Rousseau).
UEA kaj ŝovinismo. Rap. 7-a (Th. Rousseau).
Universala poŝtmarko. Rap. 8-a (A. Behrendt).
Loko de la venonta Kongreso.
Diversaĵoj.

2 h. Kunveno de ĉiuj Francaj Esperantistoj por priparoli la Xan Kongreson en Paris, en la Kazino, ĉambro 2.

3 h. Ĝenerala kunsido de la Scienca Asocio Esp. (por la tuta Kongreso), en la Kazino, ĉambro 2.

5 h. ¼ Fakaj kunsidoj en la Universitato (poŝtistoj, abstinentuloj, *Ekzamenoj de la Internacia Instituto de Esperanto).*

6 h. Kunveno de bontemplanoj en la Bern'a loĝio (Kramgasse 45).

8 h. ½ Granda Balo Internacia en naciaj kostumoj, en la Kazino.

OKAZINTAĴOJ

## KONGRESO DE ESPERANTO

### Nepublika kunveno de Rajtigitaj Delegitoj

Mardon matene oni sensukcese penis kunvenigi en aparta ĉambro la rajtigitajn delegitojn severe kontrolitajn.

Mardon posttagmeze je la 2-a sama kunveno kunigis ĉirkaŭ 100 rajtigitajn delegitojn sub prezido de S-ro G-lo Sébert. Ĝi estis kvazaŭ provripetado antaŭ la publika prezentado.

### 1-a Ĝenerala Labora Kunsido

Ĝi okazis mardon posttagmeze je la 3-a sub prezido de S-ro Stettler, vic-prezidanto de la Kongreso.

S-ro Chavet, ĝenerala sekretario, legas la protokolon de la solena malferma kunsido, kiu estas aprobata; li komunikas kelkajn telegramojn, inter kiuj tiu de S-ro Clarence Bicknell.

S-ro rektoro Boirac, prezidanto de la Lingva Komitato kaj de la Esperantista Akademio, legas sian raporton pri la Lingva Komitato. Li priparolas la laboron de: Sekcio pri vortaro (S-ro Cart, direktoro), komisiono pri komuna vortaro (S-ro Grosjean-Maupin, subdirektoro, anstataŭanta S-ro Léopold Elb), komisiono pri teknika vortaro (S-ro Vérax, subdirektoro); sekcio pri gramatiko (S-ro Grabowski, direktoro); komisiono pri verkoj rekompencotaj (S-ro Cart, prezidanto); komisiono pri vortfarado (S-ro de Saussure); naciaj subkomitatoj. S-ro Boirac memorigas la rekomendon pri lingvaj eraroj en la esperantaj verkoj, rekomendon presitan de multaj esperantaj gazetoj, kiuj kelkafoje tre favore ĝin komentariis. S-ro Boirac konigas la nomojn de sep nove balotitaj anoj de la L. K.

Poste S-ro Boirac starigas tabelon de la ses ĉefaj devoj de bona L. K.-ano. Laŭ tiu leĝo, nur 3 anoj plenumis la ses devojn (laŭreatoj: F-ino Flourens, S-roj Boucon kaj Pujula); nur 10 plenumis ĉiujn devojn esceptante la 5-an; 103 anoj plenumis nur kelkajn el la ses devoj. Fine 26 anoj eĉ ne plenumis la unuan ĉefan devon.

S-ro G-lo Sébert verkis pri la K. K. K. raporton, kiun resumas S-ro Chavet. Tiu raporto unue temas pri sendo de multaj oficialaj publikigaĵoj, due klarigas pro kiuj cirkonstancoj la IXa ne povis okazi en Genova, kaj nun sidas en

la federacia urbo de Svislando. La oficialaj invitoj al la diversaj regnoj ne povis esti farataj, kiel de la aliaj naciaj registaroj ĉe la antaŭaj kongresoj; pro tio ne estas tiun jaron tiom da oficialaj ŝtatsenditoj. La raporto poste pritraktas la organizon de la laboro de la rajtigitaj delegitoj kaj aludas la specialan nepublikan kunvenon de tiuj parlamentanoj. Fine ĝi jene fiksas la tagordon de la kongreso:

Elekto de la Estraro;

Diversaj salutparoloj;

Prezento de la Raporto de la Prezidanto de la Lingva Komitato;

Prezento de la Raporto de la Prezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj;

Prezento de la Raporto de la Prezidanto de la Administra Komitato;

Prezento de la Raporto de la Prezidanto de la Komisiono por ĝenerala organizajo;

Propono pri ebla okazigo de niaj kongresoj, ĉiun duan jaron;

Sidejo de la venontaj kongresoj.

Poste ankaŭ S-ro Chavet resumas la raporton de S-ro G-lo Sébert pri la Administra Komitato de la Centra Oficejo kaj pri tiu oficejo mem. Oni aŭdas pri la reorganizo de la Administra Komitato, pri la apartigo de la servoj de la C. O., pri la sekcio A kaj pri la Sekcio B, pri la budĝeto kaj pri la neceso de statistiko de Esperantistaj societoj, libroj, gazetoj, k. t. p., k. t. p., por kontroli la evolucion de nia movado.

Nun sekvas diskuto. Ni estas nun informataj, ke la rajtigitaj delegitoj en la privata kunsido proponis, ke en tiaj specialaj kunvenoj ili preparos decidojn por submeti al la tuta Kongresanaro.

S-ro von Frenckell klarigas la proponon: ĝi ne celas sekretan laboron, sed nur en malgranda rondo ekzameni la aferojn. Sekvas kelkaj oratoroj, kies nomon oni ne sufiĉe aŭdas kaj ideojn ne klare komprenas.

S-ro Sergeant, tre aŭdebla kaj aŭskultinda advokato, atentigas, ke en Antwerpen oni decidis igi publikaj ĉiujn kunvenojn de rajtigitaj delegitoj.

S-ro G-lo Sébert pretendas, ke en Antwerpen oni ne ĝuste komprenis la proponon. Barcelonano demandas ĉu la rajtigitaj delegitoj havas la rajton decidi. S-ro Epstein vigle kontraŭstaras la proponon kaj petas pli demokratian agmanieron. S-ro Boirac klarigas, ke estas utile, ke la rajtigitaj private konsiliĝu; sed ne ofte estos necese voĉdoni en tiu antaŭa kunveno, kiu estos nur prepara.

S-ro Stromboli, flame, fajre, vulkane, admonas, ke la proponita agmaniero estas vere stranga, nome: decidi, kaj poste diskuti. S-ro Bricard tamen deziras liberan kunvenrajton.

Fine estas alprenita la jena decido: la rajtigitaj delegitoj havu la rajton kunveni por ekzameni kaj diskuti, kaj voĉdoni preparajn voĉdonojn.

Ĉiuj ĉeestantoj admiris kaj laŭdis la senpartian kaj energian prezidon de S-ro Stettler. L. P.

### Fakaj Kunsidoj.

*Studentoj kaj junuloj.* — Mardon matene ĉeestis en la Universitato 30 personoj. Prez.: Krestanof (Bulgaro loĝanta en Dijon); vic-prez.: S-ino Henriet-Nolotte (Dijon); 1-a sekr.: René-Charles Pichon (Paris); 2-a sekr.: Pier Carlo Monti (Pavia). Krestanof legas leteron de Mareŝ (Luhaĉovice) kaj faras malferman paroladeton. Pichon legas salutleterojn. Sekvas salutparoloj de: F-ino Nozikova (Petersburg), Monti (Pavia), Kröber (Leipzig), Stejskal (Praha), Pichon (Paris). Krestanof legas raporton de la fakestro de USEA, unuanime aprobata. Monti legas raporton pri CF; sekvas diskuto pri gazeto. Krestanof legas proponon de kongresintoj en Ithaca (Usono), laŭ kiu Esperanto estu uzata en la proksima Internacia Studenta Kongreso. S-ro Mahn (Breslau) parolas pri utileco de universitataj gvidlibroj kaj gvidfolioj en Esperanto. Proksima kunveno: vendredon 29-an je la 8 h. ½ matene en la Universitato. *R. P.*

*(Kongresa Gazeto raportas nur pri Fakaj Kunsidoj, kies sekretarioj sendis mallongan raporton. Leterkesto de l' Redakcio en la Akceptejo.)*

### Diservo.

La mardon 26an de Aŭgusto, je la 9a okazis ĉe la preĝejo „Trinitatis" funebra Diservo je la honoro de Pastro Richardson, jus mortinta en Bossey (apud Genève), sur vojo al la 9a Kongreso. Multaj Esperantistoj ĉeestis, inter kiuj D-ro Zamenhof. Post la Diservo, S-ro Pastro Lajos predikis Esperante, kaj S-ro Colas rakontis la lastajn momentojn kaj la morton de nia malaperinta pioniro. *K. E.*

### Teatra prezentado.

Ĝi okazis mardon vespere de la 8 h. ½ ĝis post la 1 h. matene. Pro tiu malfrua horo ni ĝin raportos nur en proksima numero de Kongrese Gazeto.

# KONGRESO DE UEA

### Unua labora kunsido

La unua labora kunsido de UEA okazas mardon 26 aŭgusto je 10 h. ¼. La protokolo de la festa malferma kunsido estas unuanime akceptita.

S-ro Hodler donas klarigojn pri la agado de UEA dum 1912—1913 (raporto 1-a).

S-ro Mahn (Breslau) je la punkto pri la Delegitoj rimarkigas ke okaze de la nunjara ekspozicio en Breslau li ricevis multajn informpetojn kaj petojn pri gvidlibroj al kiuj ne estis aldonitaj respondelspezoj. Li petas ke oni klopodu trovi rimedon por pagi sumojn pli malaltajn ol la valoro de respondkupono. Li plie proponas, ke oni klopodu por trovi signon, kiu permesos facile renkonti la trapasantajn esperantianojn ĉe la stacidomo.

S-ro Reber (Bamberg) proponas la enkondukon de abonoj al la gvidlibroj kaj gvidfolioj.

S-ro Epstein (Londono) raportas, ke li havas plendojn kontraŭ membroj, kiuj ne repagas la elspezojn de iuj servoj; li petas klarigon pri la maniero laŭ kiu estas farata la statistiko pri la turismaj servoj.

S-ro Hodler respondas, ke laŭstatute la delegitoj ne oriatentu la informpetojn ne akompanatajn de la respondelspezoj kaj ke ili antaŭ ol fari servon petu la elspezojn. Rilate al statistiko malfacile estas starigi tre precize kie estas la limo de servoj; aliparte estas maloportune ŝanĝi la rubrikojn de la statistiko, ĉar necese estas, ke oni povu kompari la diversjarajn statistikojn.

Al la propono de S-ro Reber, S-ro Hodler respondas, ke abono al gvidfolioj jam fakte ekzistas, ĉar tiujn gvidfoliojn oni povas ricevi de la C. O. de UEA. Pri la gvidlibroj UEA nun kreas specialan servon por ilia dissendado al petantoj, sed por tio necese estas, ke la eldonistoj de gvidlibroj komprenu, ke tiaj eldonaĵoj, estantaj reklamiloj, devas esti kvazaŭ senpagaj. Li rekomendas, ke por la gvidlibroj oni uzu la mondformaton.

S-ro Mahn, je la punkto Hotela Servo, komunikas ke al la hotelisto li donis libreton sur kiun la trapasantaj

Esperantianoj devas enskribi sian nomon; tiel statistiko estas facile farebla.

S-ro Hodler konsentas kaj opinias, ke utile estus se la venontan jaron UEA povus sendi senpage jarlibron al siaj hoteloj.

S-ro Stettler konigas la motivojn, kiuj estis lin instigintaj proponi la kreon de la Hotela Servo. Li rekomendas, ke la membroj vojaĝantaj ĉiam uzu tiujn hotelojn kaj komuniku siajn rimarkojn pri ili.

S-ro kolonelo Pollen esprimas al UEA sian dankon pro la helpo, kiun al la membroj alportis la kreo de la Hotela Servo. Li uzas la okazon por substreki la profiton, kiun ricevis de la delegitoj de UEA la karavano de Londono al Berno ĉe la diversaj halturboj.

S-ro Poensgen (Kaiserswerth) rekomendas la gvidlibron de Düsseldorf.

La prezidanto atentigas, ke pro manko de tempo oni sin okupu nur pri ĝeneralaj aferoj, sed ne pri tia aŭ alia aranĝo, kiu nur havas lokan intereson.

F-ino Moreau (Bruselo) proponis, ke en ĉiuj grandurboj UEA helpu je la starigo de hotelo por vojaĝantaj virinoj.

S-ro Stettler diras, ke la propono estas en si mem interesa, sed nun ne efektivigebla. Plie anstataŭ mem entrepreni similajn aferojn, UEA prefere interligiĝu kun ekzistantaj societoj, kiuj jam bone plenumas sian laboron. Al tiaj societoj UEA helpu per sia lingvo kaj siaj servoj; interŝanĝe tiuj societoj helpos al ĝi.

S-ro Hodler, priparolinte la diversajn punktojn de sia raporto, konkludas insistante pri la neceseco varbi pluajn membrojn kaj etendiĝi ĉe la neesperantistaj rondoj; li aludas la bezonon de propagandisto-vojaĝisto, kiu vizitus la Delegitojn, konsilus ilin kaj propagandus UEA en la lokoj, kie ĝi estas ankoraŭ en neprospera stato. Li esperas, ke baldaŭ oni povos trovi la monrimedojn necesajn.

S-roj Reber kaj Tamke proponas al la deziresprimo aldonojn, kiuj estas akceptataj; poste la kongreso akceptas la tekston de la deziresprimo de raporto 1-a. La diskuto de la financa raporto estas prokrastata ĝis la venonta kunveno.

Je la 12 h. la kunveno estas fermita.

## Karavano de UEA tra Svisujo

Kiel ni ĝin hieraŭ konigis, Postkongresa Vojaĝo tra Svislando estas organizata sub aŭspicioj de UEA kaj sub direkto de S-ro L. Poncet, Del en Lyon. Jen ĝia programo:

*Lundon 1-a de septembro:* matene je la 8 h. el Bern, tra Thun, Spiez, Interlaken, lago de Brienz (per ŝipo), Brienz, Meiringen (tagmanĝo), intermonto Brünig (per dentradvagono), Sarnen, Alpnachstad, (per ŝipo ĝis:) Vitznau, (per dentradvagono ĝis:) je la 6 h. 1/2 al Rigi Kulm (sunsubiĝo, vespermanĝo, dormo).

*Mardon 2-an:* (sunbriĝo, matenmanĝo) matene je la 9 h. 3/4 el Rigi Kulm, tra Arth-Goldau, je la 12 h. al Luzern (tagmanĝo, vizito de la urbo, ĝardeno de l' glaciejoj, orgena koncerto en la ĉefpreĝejo, vespermanĝo, kursalo, dormo).

*Merkredon 3-an:* (matenmanĝo) matene je la 7 h. 1/2 el Luzern (per ŝipo) al Tellsplatte, (piede 4 km aŭ laŭvole ŝipe), al Flüelen je la 12 h. (tagmanĝo), je la 2 h. 3/4 el Flüelen (per ŝipo) al Brunnen, (per dentradvagono) al Axenstein, je la 4 h. 50 el Brunnen (per ŝipo) al Luzern je la 6 h. 3/4 (vespermanĝo, dormo).

*Ĵaudon 4-an:* (matenmanĝo) matene je la 9 h. 1/4 el Luzern, je la 10 h. 1/2 al Zürich (vizito de la urbo, tagmanĝo, nacia historia muzeo), vespere je la 6 h. 1/4 el Zürich, je la 9 h. al Bern.

Oni povos aliĝi nur por la 2 aŭ la 3 unuaj tagoj, aŭ poste viziti Sankt-Gallen, Konstanz kaj la lagon (Bodensee), Schaffhausen, Basel kaj Neuchâtel, aŭ tra la tunelo Gotthard veturi al Itallando. Nur Esperantianoj estos akceptataj; prezoj aperos morgaŭ en Kongresa Gazeto „Esperanto". La kondukonto de la karavano restos ĉiutage de la 5 h. 1/2 ĝis la 6 h. 1/2 en la ĉambro 4 (1a etaĝo de la Kazino, malantaŭ la Vendejo) por doni informojn kaj ricevi aliĝojn.

## Tra la kongreso

∴ Ĉiuj, kiuj iros Milanon estas nepre petataj averti skribe *S-ron Cattorini, Via Sarpi, 60, Milano.*

∴ *Kongreso de Katolikoj en Romo.* Ĉiuj Esperantistoj, kiuj decidas iri Romon ne ankoraŭ pagintaj la aliĝon al la Katolika Kongreso nur bezonos iri rekte al la hotelo de la Kongresanoj: *Hotelo Dinesen, via delle Fiamme, Roma,* tute proksime al la ĉefa stacio *dei Termini,* kie ili alvenos. — La Oficiala Komisiono de pilgrimoj en Romo, jam sciigis la Organizan Komitaton de la Kongreso pri certa aŭdienco de Lia Papa Moŝto.

∴ Mardon vespere la fama aviadisto Bider, kiu antaŭ du monatoj transflugis la Bern'ajn Alpojn, ĉirkaŭflugis la Kazinon kaj vekis viglan intereson.

∴ Ni estas informitaj, ke hodiaŭ duono de la Vendejo fariĝos kuirejo de la Esperantistaro pro la festeno.

∴ *Propagandistoj!* — La propagandmarkoj, kiujn vi gluas sur viajn kovertojn kaj poŝtkartojn, estas vidotaj nur de la adresatoj (kiuj, se ili estas Esperantistoj, jam ne plu bezonas esti varbitaj) kaj de la peruloj, t. e. de la poŝtistoj. Sed nun la poŝtistoj ja vidas tiom da ĉiuspecaj kaj ĉiucelaj sigelmarkoj, ke ili ne plu atentas tiujn gravurajojn. Tamen jen rimedo: nova propagandmarko estas eldonita de S-ino Farges, direktorino de Lyon'a Esperanto-Oficejo. Tiuj markoj, eldonitaj jam en tri lingvoj (angla, franca, germana) montras ĉe la supra parto per dikaj por la rigardo tre logaj literoj la alvokan vorton: *„Poŝtistoj"*. Nu, estu certaj, ke tiam poŝtisto haltos en sia laboro, kiam li ekvidos tiun vorton, kaj li rigardos la simbolan artgravurajon (per Esperanto kaj per poŝto kaj telegrafo, la komerco plimultigas kaj plivastigas siajn eksterajn rilatojn) kaj li scivole legos la malsupran tekston, maldike presitan: *„Lernu la Helpan Internacian Lingvon Esperanto."* Jen bonega propagandilo malkara (100 markoj kostas 1.50) aĉetebla en la vendejo ĉe la Kazino.

## Letero de S-ro Bolingbroke Mudie al la Kongreso de UEA

(Fino.)

Mi fine devas aludi al nia eminenta kunbatalinto, pri kies morto ni ĉiuj hodiaŭ funebras. Mi jam verkis tiun ĉi paroladon antaŭ ol mi ricevis la malgajigan sciigon pri la morto de Carlo Bourlet.

Mi ĉeestis la enterigon kaj metis florkronon de laŭroj sur lian ĉerkon, kiel signon de admiro por la multaj venkoj, kiujn li helpis akiri por ni. Lia memoro estu por ni kuraĝigilo kaj instigu nin al pluaj venkoj. En li nia afero perdis unu el siaj plej kompetentaj kunbatalantoj, kaj mi perdis amitan amikon.

Al viaj laboroj en la daŭro de nia kongreso, mi deziras tre grandan sukceson, kaj mi konkludas denove bedaŭrante, ke mi ne havos la plezuron persone premi al vi la manon. Tiu fakto, tamen, neniel kredigu vin, ke mia intereso pri nia movado ekvelkas. Demandu miajn intimajn amikojn, eĉ gepatrojn, kaj ili certiĝos al vi, ke mi estas pli freneza ol iam antaŭe batalante por nia kara afero. Sed mi ne povas konkludi sen vorto de dankoj kaj gratulo al miaj laboremaj kolegoj, speciale S-ro Hodler, kies kompetenta mano vere direktas nian asocion sur ĝia bona vojo, al S-ro Stettler, kies financaj kapabloj estas jam sufiĉe konataj, al S-ro Rousseau, kiu, post tiu ĉi kongreso akiros eĉ pli varman lokon en viaj koroj, kaj al ĉiuj komitatanoj, delegitoj kaj konsuloj, kaj eĉ al ĉiu modesta membro de la UEA, kies diligenta laboro jam provizis rimarkindan monumenton pri la praktika rezultato de internacia kunlaboro sen iaj malhelpoj. Ĝis la revido, do, Karaj Geamikoj, kaj ĝis pluaj venkoj.

# MALFERMA PAROLADO

de

## S-ro R. DE SAUSSURE

(Fino.)

Ni jam havas ekzemplon de Esperantista internacia organizaĵo per „UEA" (Universala Esperanto-Asocio); la sola diferenco estas, ke „UEA" celas nur la praktikan aplikadon de Esperanto, dum „IAE" celus nur la propagandon. La du kampoj de agado, propagando kaj praktika aplikado, estas du kampoj sufiĉe vastaj kaj apartaj, por pravigi la ekziston de du organizaĵoj en la Esperantistaro. Ambaŭ estas jam sufiĉe konataj kaj fortaj, por ne timi konkurencon. Do ni akceptu ambaŭ, kaj ni kreu inter ili amikajn kaj precizajn interrilatojn, tiamaniere, ke ili povu sin reciproke interhelpi. Tio certe estas la sincera deziro de multaj Esperantistoj.

Resume, ĉe la sojlo de la nova periodo de nia historio, rigardante de vidpunkto kiel eble plej neŭtrala la ĉefajn instituciojn de la Esperantista movado, mi komprenas ilin jenmaniere:

*a) Lingvaj* institucioj: „ELK" (Esperantista Lingva Komitato kun ĝia Akademio) kaj sekretariejo en la lando de ĝia prezidanto;

*b) Propagandaj* institucioj: „IAE" (Internacia Asocio Esperantista) kaj ĝia centra oficejo en Parizo;

*c) Aplikaj* institucioj: „UEA" (Universala Esperanto Asocio) kaj ĝia centra oficejo en Ĝenevo.

5-e. Koncerne *niajn internaciajn kongresojn*, ili estas kaj restos ĉiujara *festo* de la Esperantista popolo; tamen dum tiu festo okazas aŭ devus okazi laborkunsidoj el du kategorioj:

*a)* La oficiala parto de la kongreso, konsistanta el la kunsidoj de la „LK" (por la lingvo), tiuj de „IAE" (por la propagando) kaj tiuj de „UEA" (por la aplikado).

*b)* La neoficiala parto, konsistanta el la diversaj fakkunsidoj de „IAE" aŭ de „UEA" (kuracistoj, katolikoj, framasonoj, k. t. p.).

Ŝajnas al mi, ke la nuna kongreso estas jam preskaŭ konforma al tiu plano, se ne teorie almenaŭ fakte. Efektive, sufiĉus anstataŭ „ĝenerala labora kunsido" skribi sur la programon: „ĝenerala labor-kunsido de „IAE", ĉar koncerne la labor-kunsidojn de „UEA", ili jam estas sur la nuna programo.

Tamen mi denove insistas pri tio, ke ĉio, kion mi diris ĉi-supre, estas nur persona opinio.

* * *

Konklude permesu al mi diri, ke fari la malferman paroladon de la IXa kongreso estis por mi granda kaj neatendita honoro, sed ankaŭ grava prirespondeco, se vi konscias, ke ĝis nun tiu parolado estis farata de nia Majstro mem. Mi provis imiti tiel bone, kiel mi povis, lian senpartiecon kaj pacamon, montrante la nunan situacion de la movado Esperantista de vidpunkto neŭtrala. La aktualaj demandoj tamen estas tiel malfacilaj, ke mi estos feliĉa, se mi nur duone sukcesis. Sed kion ajn ĉiu opinias, la sola necesaĵo por la sukceso de nia afero estas la libera kaj paca diskutado de ĉiuj demandoj, interesantaj la Esperantistan movadon.

Pro tio mi deziras fini mian prezidantan paroladon, rememorigante al ni ĉiuj, karaj gesamideanoj, la lastan deziron, esprimitan de nia Majstro en lia oficiala parolado en Krakovo: „En la unuaj jaroj de nia laborado, — li diris — estis skribitaj sur nia standardo la vortoj: *espero, obstino kaj pacienco;* tio tute sufiĉis, ĉar, ke ni gesamideanoj, devas reciproke nin estimi kaj helpi, tio por ĉiu estis komprenebla per si mem. En la lastaj jaroj tamen, ni bedaŭrinde ofte forgesis tiun devon: tial nun, transirante en la duan gravan periodon de nia historio, en la duan kvaron-jarcenton, ni skribu sur nia standardo novan vorton, kaj ĉi tiun vorton ni ĉiam respektu kiel sanktan ordonon; tiu vorto estas „konkordo".

# PAROLADO

de

## **S-ro Rousseau,** vic-prezidanto de UEA,

ĉe la **solena malferma kunsido** de UEA

*Karaj gekongresanoj,*

Certe mi esprimos la intiman penson de ni ĉiuj, dirante la grandan bedaŭron kiu nin kaptas, ne vidante ĉi tie sur la ĉefa seĝo, la simpatian kaj kutiman silueton de nia amata prezidanto, S-ro Mudie. Tre grava privata afero lin devigis veturi Kanadon, kie, mi estas certa, li tamen forgesas nek nian movadon nek nian asocion. Sen ia dubo li sukcesos disĵeti tie, per sia konata elokventeco kaj lerteco kelkajn bonajn ĝermojn, kiuj baldaŭ portos valorajn fruktojn. Ke li tamen estas kun ni per la penso, pruvas la fakto ke li sendis al li ni sian kutiman paroladon kiun tuj legos S-ro Kolonelo Pollen, lia anstataŭanto.

Mi proponas, karaj gesamideanoj, ke ni sendu al nia prezidanto, ne telegrame, ĉar li riproĉos nin pro malŝparemo, sed letere je la nomo de la IXa Kongreso de UEA, la esprimon de nia bedaŭro pro lia foresto kaj nian plej fidelan saluton.

Pro la foresto de nia prezidanto, mi ja havas la grandan honoron prezidi nian kongreson kaj direkti ĝian laboron. Mi provos plenumi mian oficon kiel eble plej senpartie, metode kaj orde; kaj mi estas certa ke, de via flanko, vi ĉiam volos, en niajn diskutojn alporti la toleremon, la moderecon en la vortoj, kiuj ĝis nun karakterizis ĉiujn niajn kongresojn.

Mi sentas ke nia unua devo en la komenco de tiu ĉi kongreso estas turni kun vi niajn pensojn al tiuj esperanta ianoj, kiujn la kruela morto forrabis de ni dum la lastjaro. Mi unue citu la agemajn delegitojn:

Mare, Del. en Portsmouth, DD. por Sud-Anglujo; Niedviedzky, Del. Minsk, DD. por Orienta Rusujo; kaj Richardson,

DD. en Bruselo kaj DD. por Belgujo, la ĉefo de niaj katolikaj samideanoj kiu tiel malfeliĉe mortis antaŭ nur kelkaj tagoj.

Inter niaj membroj mi volas almenaŭ citi la respektindan P-ron Dor, prezidanton de la Lyon'a Esp. grupo kaj de TEKA, kiu donis al nia asocio tiom da pruvoj de sia simpatio, S-ron de Ladevèze, kiu tiel multe faris por nia afero en Germanujo, kaj ĉefe profesoron Carlo Bourlet, Vicprezidanton de la KKK, prezidanton de la Pariza Esp. grupo konatan kaj ageman matematikiston, kiun tiel blinda kaj kruela sorto frapis antaŭ apenaŭ du semajnoj. Jam de 13 jaroj li senlace bataladis por Esperanto; la laboro plenumita de li estas netaksebla. La loko kiun li okupis en nia afero estis ja tre granda kaj la subita malpleniĝo de tiu loko konsternas nin. Certe, li ne ĉiam plene aprobis, ĉefe en la komenco, la agadon de nia asocio. Sed laboremulo kiel li ĉiam kliniĝas antaŭ la laboro konscience kaj senhalte plenumita; li, en la lasta tempo plene komprenis la altan rolon de UEA en nia movado kaj, kelkajn tagojn antaŭ sia morto, li ankoraŭ skribis al nia prezidanto: „Vi scias, kia estos mia persona inklino por UEA....“ En Krakovo, li bone sukcesis, per taŭgaj vortoj, forprokrasti la demandojn, kiuj povus malkvietigi la esperantistojn, kaj post la trankvila kaj fruktoriĉa laborjaro, kiun ni jus travivis, ni ĉiuj havis la konvinkon ke nun, en ĉi tiu kongreso, ni povus precizigi, en plena interkonsento, taŭgan planon de kunagado inter ĉiuj batalantoj por nia afero kaj kune prepari la X$^{an}$ Esp. Kongreson en Parizo, por kies triumfo li estus oferonta sian tempon, sian tutan energion kaj sian grandan influon.

Mi proponas, karaj geesperantianoj, ke ni honoru la memoron de ĉiuj niaj mortintoj, konataj aŭ humilaj, per leviĝo de niaj seĝoj.

Kaj nun, post pia penso al tiuj, kiujn ni perdis, ni rigardu kuraĝe al la estonteco. La tasko, kiun ili lasis al ni estas ja vasta, sed ĝi ne tro pezos sur niaj ŝultroj se ni scios profiti la instruojn de la estinteco. Ni memoru, ke ĉiu interna batalo estas malfortiĝo, ke nia celo estos atingita nur per unuiĝo; ke ni povos esti unuigitaj nur se ni havas komunajn fundamentajn principojn; ke ni povos interkonsenti pri principoj nur se ni serioze pridiskutas ilin; ke diskutado povas esti serioza kaj konduki al interkonsento, nur se ĝi estas tolerema, laŭregula, ĝentila, senpartia kaj senpasia; ke, nome, diskutado povas esti senpasia, nur se ĉiuj, ĉu individuo, ĉu loka, nacia, aŭ faka grupiĝo, forjetas ĉiun egoistan priokupon, kaj celas nur la ĝeneralan bonon kaj utilon de nia tuta afero; fine ke, kun komunaj principoj, ni ne povos fari definitivan paŝon antaŭen, se ni ne havas komunan planon de agado kaj severan disciplinon.

Planon de organizaĵo mi tute ne volas alporti al vi. Hieraŭ en la solena malfermo de nia naŭa Kongreso de Esperanto, kiu certe impresis nin ĉiujn, pro la nun tute digna kaj kvieta, ĉiam pli alta sento en ĝi reganta, nia eminenta samideano S-ro René de Saussure per tre ŝatitaj vortoj sciis montri al ni la rolon kaj la taskon, kiujn ĝis nun plenumis: 1$^e$ la Lingvaj Institucioj; 2$^e$ la Propagandaj Societoj; 3$^e$ Universala Esperanto-Asocio. UEA estas al li speciale danka, ke li bonvolis tiel klare prezenti al ni, kian grandan lokon ĝi devos okupi en la aranĝoj, kiuj estos interkonsentitaj por pli harmonia kunlaborado de la tuta Esperantistaro.

Mi do nur volas al liaj paroloj aldoni kelkajn pensojn, kiuj iom-post-iom enloĝiĝis en mian kapon, de la unua momento de la ekzisto de UEA ĝis la hodiaŭa momento, dum mia konstanta kvankam modesta partoprenado, ĉu en la prizorgoj, ĉu en la sukcesoj de nia Asocio.

Unue, ni ne tro severe klasigu niajn samideanojn en fermitajn kategoriojn, inter kiuj ni malpermesus ĉiun komunikadon. Ni komprenu ja bone, ke malgraŭ ŝajniaj diferencoj, estas multe da unueco en la mentalo, kaj en la etikaj priokupoj de la Esperantistaro; ke ni ĉiuj ofte estas samtempe propagandistoj, instruistoj, uzantoj kaj eĉ verkistoj; ke ne estas tre oportune ŝanĝi, — kiel majstro Jakobo en konata komedio, — plurfoje dum la tago sian oficialan veston por plenumi sinsekve la diversajn partojn de sia tasko. Ni celu do krei kiel eble plej multe da *ligiloj* inter la diversaj partoj de nia organizaĵo; dum ni volas disbati la barojn kiuj disigas la popolojn, ni ne penadu por starigi murojn inter la Esperantistoj.

Ekzemple estas opinio ne ĉiuokaze prava, kaj ofte danĝera, ke la lingvaj priokupoj povas, ĉe la Esperantistoj, esti plene apartigitaj de la praktikaj priokupoj. La lingvo estas la necesega ilo de la uzantoj; kaj neniu neos sekve, ke la uzantoj havas la rajton konstante kontroli, ĉu sia ilo restas ĉiam preta por efika funkciado, kaj estas nek difektata, ne fuŝata de fremdaj manoj, pro teoriaj aŭ fantaziaj celoj.

Kontraŭ la faktoj ankaŭ falas alia prijuĝo, tro enradikigita ĉe multaj samideanoj, ke propagando kaj aplikado povas, en la praktiko, esti facile apartigitaj. — Ĉu ni ne devas ĝoji kiam ni aŭdas, ke Esperantistaj grupoj helpas, per Esperanto, por la diskonigo kaj pliriĉiĝo de sia urbo, uzante parton de sia mono, eldonante gvidfoliojn kaj gvidlibrojn, aŭ kiam ni ekscias, ke la franca Societo por la propagando de Esperanto proponas siajn servojn al la ĵus fondita ĝenerala Komitato por Turismo en Francujo, por uzi Esperanton en la disfamigo de la francaj naturbelaĵoj eksterlanden? Ĉu ni ne devas ankaŭ ĝoji, se, pro la disvastiĝo de sia laborkampo, UEA sciigas, ke ĝi bezonas pli grandan nombron de bone Esperanto-parolantaj membroj kaj Delegitoj? Kaj se ĝi sin turnas al la naciaj Societoj kaj grupoj — kiuj ĝis nun tiel energie klopodis por aranĝado de kursoj kaj ekzamenoj, — konigas al ili siajn dezirojn pri instruado kaj diplomoj, kaj laŭeble helpas par ilia plenumado?

Kaj fine ni ne forgesu ankaŭ la fakajn societojn. En kiun kategorion ni devus klasigi la Tutmondan Esperantistan Kuracistan Asocion, kaj la ĵus kreitan Sekcion de Fizikistoj kaj Ĥemiistoj kiuj ambaŭ: 1$^e$ zorgas pri teknikaj vortaroj; 2$^e$ propagandas Esperanton en la kuracistaj fizikistaj, ĥemiistaj rondoj; 3$^e$ uzas Esperanton por pritrakti teknikajn kaj sciencajn temojn pri medicino, fiziko kaj ĥemio?

Alia konvinko kiu, pro la bedaŭrindaj politikaj okazintaĵoj de la lasta tempo, pli kaj pli firme enradikiĝis en nin, estas ke ni, pli ol iam, devas priatenti la nacian ofendiĝemon. Ni ĉiam zorgu trafi plenan neŭtralecon en nia internacia Esperantista radaro, rilate al nacieco: Niaj komitatoj, nia mono, niaj sidejoj, niaj oficejoj ŝajnu nek britaj, nek germanaj, nek francaj, nek rusaj: ili estu plene inter- aŭ pli bone supernaciaj. En UEA ni ĉiam provis, certe kun plena sukceso, konservi ĉi tiun neŭtralecon.

Mi nun finos per ĉi tiu grava admono al vi, karaj geesperantianoj, ke, ĉu tiu aŭ alia formo de organizaĵo estos elektata, vi faru kune kun mi, la solenan mempromeson, montri per via fervoro, per via laboremo, per via seriozeco, per via pacamo, en tiu-ĉi kongreso kaj en via posta agado, ke nia kara UEA estas en la unua vico inter tiuj grupiĝoj, kiuj laboras por la homara progreso, por la tutmonda konkordo, per Esperantismo.

---

# PAROLADO DE S^RO HODLER

## ĉe la malferma kunsido de UEA

*Karaj Samideanoj,*

La laborjaro, kies finon alportas nia kvara kongreso, plenumiĝis en agitataj eksteraj cirkonstancoj. La intergenta paco, kiu estas tiel necesa por nia progresado, estis longe rompita sur parto de Eŭropo, kie nia afero iam prospere disvolviĝis, kaj ofte niaj koroj tremis je la penso, ke la fantomo de pli ampleksa milito povus enkorpiĝi kaj por longa tempo nuligi multjaran nian paciencan laboradon. Tiu terura timindaĵo feliĉe ne okazis, sed la ondo de ŝovinismo, kiu trapasis Eŭropon, la atmosfero de malpaco kaj sango, en kiu ni vivadis, nedubeble malhelpis la antaŭeniron de nia afero. Nuntempe, sub la influoj de aluditaj okazintaĵoj, ni devas konstati malprogreson de la internaciemaj ideoj, je kies irado — kian ajn opinion oni havas pri Esperantismo — estas intime ligata nia movado. Kiam aŭdiĝas la bruo de la armiloj, kiam ĉiu estas konvinkita, ke la sovaĝa batalo de la homo kontraŭ la homo devas anstataŭi la batalon de la homo kontraŭ la naturo kaj la mallumo, tiam ni ne esperu, ke multe progresos nia afero, kiu bazas sur intima trankvila kunlaborado de la homoj el ĉiuj gentoj kaj el ĉiuj nacioj. Teorie, oni ĉiam povas aserti, ke Esperanto, estante nur lingvo, povas servi egale por la paco kiel por la milito; praktike, neniu senpartia homo povas nei la parencecon de la internaciemaj movadoj kun nia.

Aludante tiujn faktojn, mi nur celas montri, ke la ĵus forpasinta laborjaro estis malfacila periodo. Mi neniel deziras trograndigi kaj aserti, ke la plifortiĝo de la ŝovinismo estas daŭra fenomeno, kiu respondas al natura evolucio kaj sekve ĉiam baros nian vojon. Ĝi estas nur movado de opinio, kiu — pro la sensencaj ŝarĝoj, kiujn ĝi pezigas sur la vivo de la popoloj — baldaŭ cedos lokon al kontraŭa movado tiel same kiel la alfluon de la maro furioze batanta la bordojn sekvas la forfluo, kiu donacas al homo novajn liberajn spacojn.

Ĝis tiam ni ne antaŭvidu tre grandajn progresojn, sed ni iru malrapide, senŝancele kaj serioze.

Sed, karaj samideanoj, ne nur eksteren ni devas rigardi, sed internen de nia afero.

Vi scias, ke la lastan jaron ni venis al vi kun malĝojaj informoj pri la financa stato de nia Asocio. Tiu ĉi situacio estis tia, ke ni devis proponi al vi radikalan rimedon por ĝin plibonigi. Duobligante la kotizaĵon ni riskis perdi parton de nia membraro. Pesimistaj profetoj eĉ asertis, ke tion, kion ni gajnos el unu flanko, ni perdos el la alia. Tiuj antaŭdiroj ne realiĝis. Pli ol la du trionoj de niaj membroj restis al ni fidelaj. Ni ne scias, kiun ni devas plej gratuli, ĉu la membrojn, kiuj konsentis tiun pluan oferon, ĉu la Delegitojn, kiuj penis por konservi kiel eble plej multe el niaj membroj, ĉu UEA mem, kiu per sia agado havigis al si tiom da fervoraj amikoj. Ne malpli korajn dankojn ni ŝuldas al la sindonemaj samideanoj, kiuj favore respondis nian alvokon por la kreo de Garantia Kapitalo. Dank' al la helpo de unuj kaj de la aliaj, la financa stato de UEA senteble pliboniĝis.

La raportoj, kiuj estos submetataj al tiu kongreso, detale pritraktas la diversflankajn agadojn de nia Asocio. Ni petas, ke vi bonvolu ilin atente ekzameni kaj aktive partopreni en la interŝanĝado de ideoj, kiun ili naskos. Pasiva aprobo nin certe ne ĝojigus. Konscian kaj atenteman ekzamenadon ni deziras, ĉar ili en vivanta maniero atestos pri la intereso de niaj membroj je la prospereco de nia Asocio.

Oni nur permesu al ni — tralegante tiujn diversajn raportojn — substreki la fakton, ke la nombro de la Esperantiaj servoj regule kreskas ne sole rilate al la nombro, sed ankaŭ rilate al propra graveco kaj seriozeco. En tio ĉi kuŝas la merito de UEA, ke tuj de la komenco ĝi proponis servojn al siaj membroj, ĝi favoris ilian reciprokan interkomunikiĝon, kaj povis — post malmulte da tempo — prezenti palpeblajn rezultatojn. Ni insistas pri tio, ke UEA devas havi popularan karakteron. En la granda nombro de internaciaj organizaĵoj kaj institucioj, kiuj kreiĝis en la daŭro de la lastaj jaroj, tro multaj limigas sian agadon je pure sciencaj aŭ teoriaj laboroj, kiuj havas intereson nur por malmultaj homgrupoj. Estas la honoro de Esperantismo, ke ĝi penas anstataŭi la pure teorian internaciismon per praktike travivata internaciismo, kiu, ne embarasante sin per formuloj aŭ doktrinfasadoj, rilatigas fremdulon kun fremdulo pri ĉiuj sferoj de la homa vivo, sur vere neŭtrala kampo. Per sia interŝanĝado de servoj ĉiujare pli multe uzata, UEA ne sole donas propran profiton al la uzantoj de tiuj servoj, sed ĝi praktike instruas al ili internacian spiriton, t. e. klarajn ideojn kaj ĝustajn konojn pri la vivo kaj mentaleco de la diversaj popoloj, sen kio ĉia alia jura alproksimiĝo estas neplenumebla en vere sincera maniero. Oni eble diros, ke ankoraŭ tre malmultaj gravaj firmoj aŭ societoj uzas la servojn de UEA, ke tiuj ĉi ankoraŭ ofte koncernas malgravajn aferojn. Sed pri tio oni devas atenti, ke, se tre grandaj firmoj aŭ societoj havantaj gravajn monrimedojn povas facile interkomunikiĝi sur la internacia kampo, ekzistas tre granda nombro de malpli grandaj firmoj kaj societoj, tre granda nombro de privatuloj, kiuj ne estas en tiel favora situacio. Al ĉiuj ĉi tiuj sin nun precipe turnas UEA kun siaj servoj. *(Daŭrigota.)*

# Tra la mondo

*Madrid.* — Pro fulmo, pulvejo eksplodis, mortigis unu personon kaj vundis tridekses.

*Bruxelles.* — Generalo Michel, eksministro de l'milititstaro, ĉefkomandanto de Anvers, forlasas sian oficon.

*Gent.* — La internacia kongreso pri helpado al la militvunditoj estas malfermita, precize kiam ironie oni inaŭguraciis en den Haag la novan Pacpalacon.

*Pola.* — Oni enterigis la vicadmiralon de Lanjus.

*Roma.* — Dum aŭtuno la italaj gereĝoj intencas vojaĝi en Libio.

*Versailles.* — Aviadisto Marnier forflugis el Biarritz per monoplano por konkursi la pokalon Pommery; lin malhelpis forta vento el nord-okcidento.

*Bern.* — Oni retrovis sur la montaro Niesen la kadavron de junulo falinta la 3-an de aŭgusto, dum li kolektis edelvejsojn.

*Posen.* — La imperiestro kaj lia filo ĉeestis paradon de la kvina korpuso.

*Barcelona.* — Apud Bilbao vagonaro venanta el Barcelona puŝrenkontis du lokomotivojn; du mortintoj, kvardek vunditoj.

*Catane.* — La vulkano Etna elŝprucas cindrojn kaj fumon.

*Belgrade.* — La internacia komisiono, sendita por enketi kaj eltrovi la veron pri la kruelaĵoj dum la Balkana milito, alvenis.

*Krojanke.* — Vagono el la rapida vagonaro Königsberg-Berlin elreliĝis; unu mortinto, dek vunditoj.

*Glasgow.* — Malfermiĝis la dua internacia Kongreso de l'kooperativaj societoj; sescent delegitoj reprezentas unu milionon da kooperatanoj el ĉiuj landoj.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO




OFICIALA

# KONGRESA GAZETO

N-o 5 Aldono al ESPERANTO 29 Aŭgusto 1913

REDAKCIA LETERKESTO EN LA AKCEPTEJO

*La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum la Kongresoj kaj kostas 10 centimojn po Numero*

OKAZONTAĴOJ

### Sabato 30 aŭgusto

8 h. Framasona Ligo en la Bern'a Loĝio (Bogenschützenstrasse 8).

8 h. 30 Fakaj kunsidoj en la Universitato (juristoj, maristoj, policistoj, ruĝuloj, kuracistoj).

10 h. 15 Internacia Oratora Konkurso en la salonego de la Kazino.

3 h. **3-a Ĝenerala Labora Kunsido** en la Kazino, ĉambro 2.

5 h. 15 Framasona Ligo en la Bern'a Loĝio. Fakaj kunsidoj en la Universitato (katolikoj, publikoficistoj, feministoj).

8 h. 15 Muzika kaj literatura vespero: orgenludo, solistoj, parolado de S-ro Edmond Privat, en la salonego de la Kazino.

OKAZINTAĴOJ

# KONGRESO DE ESPERANTO

### 2-a Ĝenerala Labora Kunsido

Ĝi okazis merkredon posttagmeze je la 3-a, sub prezido de S-ro Stettler, vic-prezidanto de la Kongreso.

Pro troeco de materialo, la raporto pri tiu kunveno, ne tiel grava kiel la antaŭa, aperos nur en sekvonta numero de „Kongresa Gazeto".

### Fakaj Kunsidoj.

*Socialistoj.* — Dua kunveno okazis merkredon matene en la Universitato. Prez.: S-ro Tesch; sekr.: S-ro J. Couteaux. Plej grava demando diskutita estas tiu pri la internacia federacio de la ĉiunaciaj grupoj esperantistaj socialistaj. S-ro Hermant opinias dezirinde, ke la socialistoj unuiĝu kun siaj propraj statutoj aparte de ĉiuj aliaj „ruĝuloj" (anarhiistoj, sindikatanoj, k. a.), kaj proponas, por ke la federacio internacia povu esti starigata dum la Paris'a Kongreso, en 1914, ke tuj estu elektata komisiono, kiu helpos la provizoran sekretarion por fari internacian enketon kaj prezenti, per la socialistaj esperantaj jurnaloj, la definitivan regularon voĉdonotan dum la X^a Kongreso. Propono unuanime akceptata. Ankaŭ akceptata estas rezolucio prezentita de F-ino Fryer laŭ kiu la „Internacia socialista Oficejo" en Bruxelles estas petata studi la demandon pri internacia lingvo kaj prezenti raporton pri tio al la proksima internacia socialista Kongreso. J. C.

*Teozofoj.* — S-ino M. Tiard (Paris) malfermis la kunvenon kaj raportis pri la enkonduko de Esperanto en la Tutmondan Teozofian Societon dum la Teozofia Kongreso en Stockholm. Esperanto estis tie akceptita kiel la kvara lingvo uzota dum la internaciaj Kongresoj Teozofiaj. S-ro D. de Szentmáriay (Hungarujo) rakontas pri la ĉefaj teozofiaj veroj. Plue, li legas la regulojn de „Orienta Stelo". S-ino M. Tiard legas la salutleteron de S-ino Diou-Trouillon prezidantino de „Esperanta Teozofia Ligo". S-ro D. de Szentmáriay raportas pri sia parolado en Stockholm. S-ro J. de Nogales (Hispanujo) raportis pri la Teozofia movado en Hispanujo. S-ro Delfi Dalman (Barcelona) raportis pri la Teozofia movado en Portugalujo.

S-ino M. Tiard anoncas publikan paroladon pri Teozofio (esper.) farotan de F-ino Weggeman-Guldemont, Sabaton la 30^an de t. m. de $5^1/_4$—$6^1/_4$ en Universitato ĉambro 28. *V. C.*

*Internacia Ordeno por Etiko kaj Kulturo.* — Mardon je la 6-a kunvenis la ordenanoj sub prezido de S-ro D-ro Uhlmann kun ĉeesto de S-ro D-ro L. L. Zamenhof. La prezidanto raportis pri la stato de tiu fako kaj klarigis la ĝeneralan programon de I. O. E. K. Pri la organizo parolis S-ro Jost. Poste oni decidis subteni la novan ideon de la Majstro, nome „Homaranismo", kio ĝenerale estis aprobata. Oni decidis aranĝi duan kunvenon, por diskuti la regularon.

*(Kongresa Gazeto raportas nur pri Fakaj Kunsidoj, kies sekretarioj sendis mallongan raporton. Leterkesto de l'Redakcio en la Akceptejo.)*

### Teatra prezentado

Mardon vespere en la Varietea Teatro kuniĝis ĉiuj Kongresanoj kaj multaj Bern'anoj. Tiu teatro estas beleta, sed ĝi ne tre taŭgas por vere teatra prezentado; ĝi estas konstruita por utili precipe kiel muzikhalo aŭ kazino. Komenciĝinte je la 8 h. $^1/_2$, la prezentado finiĝis ĉirkaŭ la 1 h. matene, kaj la sep aktoj, kiujn ni aŭdis, malgraŭ ilia intereso iom lacigis la okulojn, kiuj poste sekvantan matenon devis iom longe ripozi.

La du prezentadoj havis grandan sukceson, sed pro la neceso de detala raporto ni devas prokrasti ilian priskribon ĝis venonta numero de „Esperanto".

### Oficiala festeno

Ĝi okazis merkredon tagmeze en la salonego de la Kazino, kiu ne povis enteni ĉiujn festenantojn. Sekvis multaj paroladoj de diversnaciaj oratoroj, kiuj ĉiuj tre sprite parolis.

### Granda koncerto

Merkredon vespere je la 8-a ½ reeksonis sub la fingroj de l'majstro Locher la majesta orgeno de la Kazino. Unue li ravis per malnova muzikaĵo de J. S. Bach, kaj poste li ĉarmis per Adaĝo de H. Huber. En la dua parto de l'koncerto li tre bone ludis la faman parton de la opero de Grieg „la morto de Asas", en kiu li transfluigis en la vejnojn de la aŭdantaro sian tutan koremocion; sed ŝajnas al ni, ke tamen en la komenco li faris kelkajn ŝanĝojn en la originalo, precipe pri la takto; ĉe l'fino la anĝelvoĉoj de lia instrumento tre impresige figuris la ĉieliron de la animo de Asas.

La publiko ĝenerale pli ŝatis la kantojn de l' Bern'a Virĥoro, ĉar ĝi pli facile sentis (se ĝi ne komprenis), ke tiu ĥoro estas vere nepre spertega kaj disciplinita. Pri tio la direktanto S-ro E. Henzmann estas tre laŭdinda, ĉar li estas plene direktanto tre eminenta. En malnovaj kantoj, en popolaj, en tre artaj, ni aplaŭdis la artistojn, ĉar ope ili meritas tiun nomon. La plej interesega estis certe „Elfe" de de Curti, en kiu la malfacilaĵoj estis multaj precipe ĉe la longdaŭraj kvarvoĉaj notoj.

S-ino T. Essigman kantis en Esperanto diversajn ariojn, en kiuj ni konsciis, ke ŝi estas tre bona Esperantistino. Sed ĝuste kial ŝi elektis kantaĵojn, kies poezio estas tiel malregula? En Dresden ni aŭdis ankaŭ kanton de „Samson kaj Dalila" en Esperanto; sed la traduko estis multe pli klasika. Esperantistoj faru malmultajn versaĵojn, pli malmultajn, tre malmultajn, sed iom pli bonajn.

Arta ĝuo ankaŭ nin regis, kiam ni aŭdis la kvarteton en F-dur de Haydn, kiun ludis S-roj Spielmann, Lütschg, Christen kaj Monhaupt. Tiu klasika muziko ŝajnis longa al la nemuzikamantoj, kiuj estas multaj inter Esperantistoj; tiuj cetere multe tro ŝatas senfinan babiladon. La sonoj de l'kvar muzikiloj tre harmonie kunfandiĝis en la navo de l'Kazino, kaj plej ŝatis ni la violonĉelon kaj la aldon.

Entute la koncerto estis tre honoriga por la organizintoj, ĉar vere tre arta.

### Ekskurso al Interlaken

Ĵaŭdon matene antaŭ la 8-a la bileteja halo de l'ĉefstacidomo estis superplena je kongresanoj, kiuj orde ariĝis ĉirkaŭ afiŝetoj montrantaj la 15 diversajn hotelojn, en kiuj devis manĝi la ekskursantoj, kiuj per du specialaj vagonaroj veturis al Scherzligen, kaj de tie per du specialaj ŝipoj al Interlaken. Bedaŭrinde tie ĉiuj disiĝis, kaj dum la plej granda nombro el ili serĉis ripozon sur la herbejoj aŭ suprenrampis (per dentrad- aŭ ŝnureg-vagonoj!) al montsupraĵoj, nur malmultaj ĉeestis la nepriskribeble belan prezentadon de „Wilhelm Tell" sur liberaera scenejo. Cetere en venonta numero de „Esperanto" ni pli detale raportos pri tiu admirinda perpopola prezentado.

Vespere ĉiuj en la Kursalo aŭdis belan sinfonian koncerton kaj aplaŭdis precipe la duan „Hungara Rapsodio" de Liszt kaj lertan harpajon. Sekvis artfajraĵo ĝenerale verda en honoro de l'Kongreso. Nokte je la 1-a revenis la lasta vagonaro plena je laceguloj.

### Scienca Asocio

En la ĉambrego 2 de la Kazino la Scienca Asocio okazigis vendredon posttagmeze publikan kunvenon, kiun oni povas konsideri kiel festan kunsidon. Prezidis S-ro P-ro Cotton, de la Supera Normala Lernejo en Paris, kavaliro de l'Honora Legio, ĉirkaŭita de S-ro G-lo Sébert, S-ro Rollet de l'Isle, S-ro D-ro Stromboli, S-ro D-ro Marchand.

S-ro Cotton memorigis, ke lastan jaron ĉe la Kongreso de ĥemia aplikado en Washington sekcio decidis alpreni Esperanton laŭ propono de S-ro Mac Kelvy, direktoro de la „Bureau of Standards".

Sekvas sciencaj komunikoj de S-ro Cotton pri la rezultatoj de liaj laboroj kun S-ro Moutton pri la efiko de magneta kampo sur lumradiojn kiuj trapasas likvan ŝtofon; de S-ro D-ro Marchand pri la utileco de Esperanto por la sciencaj rondoj kaj pri la alpa floraro de la Davos'a regiono, kaj de S-ro Stromboli pri la ferindustrio.

---

# KONGRESO DE UEA

### Dua labora kunsido

La dua labora kunsido de UEA okazas merkredon la 26 aŭgusto je 10 h. ¼.

La protokolo de la unua labora kunsido estas unuanime akceptita.

S-ro Stettler proponas, ke oni vizitu la internaciajn oficejojn en Berno kaj invitu ilin sendi reprezentantojn ĉe la Kongreso de UEA; tiu propono estas aplaŭde aprobita. S-ro Stettler poste raportas pri la financa stato de UEA. Li aludas la financan reformon kaj atentigas, ke ĝi havis kiel konsekvencon pliboniĝon de la financa stato. Li insistas pri la neceseco varbi minimume 7000 membrojn dum 1914 kaj kolekti anoncojn por malpligrandigi la kostojn de la jarlibro.

S-ro Reber (Bamberg) proponas monkolekton.

S-ro Stettler diras, ke ne plu estas nun la tempo kolekti malgrandajn sumojn. Li atentigas pri la Garantia Kapitalo kaj montras la profitojn, kiujn ĝi prezentas. La deziresprimo de la raporto 2-a estas unuanime akceptita. Plie la kongreso esprimas siajn dankojn al S-ro Stettler pro lia bona kondukado de la financa fako.

S-ro Hodler komentarias la raportojn de S-ro Lévy pri la Interŝanĝa Fako kaj la raporton de S-ro Mareŝ pri la Studenta Fako. Li montras, ke kontentiga estas la stato de la Interŝanĝa, sed ke la stato de la aliaj fakoj estas ne tiel prospera, kiel oni povus deziri, precipe pro manko de membroj.

F-ino Moreau (Bruselo) legas raporton transdonitan de S-ino L. de Ferrer, kiu bedaŭrante la malplialtiĝon de la membroj proponas, ke oni dediĉu unu paĝon de *Esperanto* al la Virina Fako; ŝi demandas, kial oni forigis el la jarlibro la signojn pri la virinaj konsulinoj.

S-ro Hodler respondas, ke *Esperanto* volonte akceptas komunikaĵojn, kondiĉe, ke ili havu neŭtralan karakteron, kio ĝis nun iafoje ne okazis. Li donas klarigojn pri la indikado de la konsuloj, kiu estis forigita en la jarlibro, ĉar zorga kontrolo de la konsuloj estas malfacila; tamen la virinaj konsulinoj estos denove notataj, ĉar tiuj informoj estas tre utilaj por la vojaĝantinoj.

S-ro Pollen demandas, ĉu en la aliajn fakojn oni enlasas virinojn. La prezidanto jese respondas.

S-ro Börner insistas, ke la Studenta Fako restu plene neŭtrala.

S-ro Souchay (Parizo) diras, ke en grandaj urboj necese estus, ke en la Jarlibro ankaŭ aperu la nomoj de la konsuloj, ĉar la delegito ne ĉion mem povas respondi.

S-ro Hodler respondas, ke necese estas, ke oni ĉiam povu sin turni nur al la delegito; cetere en la grandaj urboj ankaŭ ekzistas subdelegitoj.

La deziresprimoj pri la Studenta kaj Interŝanĝa Fakoj estas unuanime akceptitaj.

Nova deziresprimo pri la Virina Fako estas ankaŭ akceptita.

S-ro Mahn (Breslau) donas klarigojn pri deziresprimoj de li prezentitaj rilate al plifaciligo de statistiko pri la vizito de la esperantiaj hoteloj.

S-ro Mallet (Ĝenevo) diras, ke la prezentita deziresprimo estas ofte ne aplikebla kaj havas polican ŝajnon. La propono Mahn estas prokrastita ĝis la venonta kunsido.

Je la 12 h. la kunsido estas fermita.

## Tria labora kunsido de UEA

La tria labora kunveno de UEA okazas vendredon, la 29 aŭgusto je 10 h.

La protokolo de la 2-a labora kunsido estas unuanime akceptita.

S-ro Hodler donas klarigojn pri la raporto 5-a: UEA kaj neesperantistoj, anstataŭ S-ro Perez forestanta. Doninte klarigojn pri la raporto li rekomendas al la kongreso la alprenon de la pli multaj konkludoj krom tiu kiu rilatas al la parta pagigo de la servoj, ĉar estas tre malfacile difini tarifon por la servoj, tial ke ili estas tro diversspecaj. Rilate al la pagado de helpanto de la delegito en la urbegoj li rimarkigas, ke oni povos tion atingi per varbado de pliaj entreprenoj kaj per monhelpoj de la lokaj institucioj al kiuj niaj delegitoj helpas per sia laboro.

S-ro Rousseau, transdoninte sian prezidantecon al S-ro Hodler, legas sian raporton pri la esperanto-diplomoj.

S-ro Obruĉev (Moskvo) opinias, ke UEA ne povas sin okupi pri instruado.

S-ro Rousseau respondas, ke UEA ne volas mem sin okupi pri instruado, sed nur transdoni siajn dezirojn pri tio al la naciaj societoj.

S-ro Istel (Wiesbaden) juĝas, ke la propono estas danĝera por UEA, kiu estas per-esperanta, sed ne por-esperanta organizaĵo.

S-ro Rousseau atentigas pri la jam ekzistanta interkonsento inter la naciaj societoj, kaj diras, ke iliaj reprezentantoj jam favoris tiun proponon.

S-ro Mahn (Breslau) opinias, ke UEA nepre devas havi Delegitojn bone sciantajn Esperanton; por tio necese estas, ke la gradoj de la diplomoj estu unuecigataj.

S-ro Obruĉev proponas ŝanĝon en la deziresprimo.

S-ro Istel substrekas, ke UEA sin okupu nur pri per-esperantaj aferoj.

S-ro Pollen aprobas la raportojn kaj demandas, ĉu la komisiono aludita en tiu raporto jam ekzistas.

S-ro Privat diras, ke oni forlasu la teoriajn diskutojn pri diferenco inter per- kaj por-esperantaj aferoj.

S-ro Wengler (Berlin) proponas reverki la deziresprimon en pli limigita formo. La deziresprimo modifita estas akceptita kontraŭ 4 neoj.

S-ro Rousseau legas kaj komentarias sian raporton pri ŝovinismo.

S-ro Reber (Bamberg) demandas, ĉu la milito ne estas necesa.

S-ro Rust (Soham) aprobas la principon de la raporto kaj deziras, ke la 2-a kaj 6-a partoj de la deziresprimo estu forigataj.

S-ro Pollen aprobas la dirojn de S-ro Rust.

S-ro von Frenckell (Dresden) diras, ke punkto 2-a ne estas akceptebla, ĉar ĝi estas kontraŭ la neŭtraleco de la Asocio. Milito povus iam esti ne evitebla. Ĉu UEA tiam eksigus la membrojn, kiuj defendas sian patrujon? Plie oni devas eviti, ke la registaroj konsideru nian movadon kiel politikan aferon.

S-ro Privat diras, ke kontraŭe la registaroj dankos nin, se ni helpas al la agado kontraŭ la falsigitaj informoj. La registaroj ne devas timi, ke oni malhelpu la agadon de iliaj malbonaj defendantoj.

S-ro Stettler principe akceptas la konkludon de la raporto, sed opinias, ke preferinde estus enkonduki la ĉefajn ideojn de tiu raporto en la statuton. Li proponas redoni la deziresprimon al la komisiono por la revizo de la statutoj.

S-ro Maske (Dresden) tre petas, ke oni ne okupu sin pri politikaj aferoj.

S-ro Epstein aprobas la proponon de S-ro Stettler.

S-ro Mallet (Ĝenevo) preferus, ke oni prokrastu la decidon ĝis la venonta kongreso.

S-ro Hodler diras, ke la raporto neniel estas kontraŭa al la statuto, sed ke ĝi estas nur komentario kaj formuligo de la principoj, kiuj ĝis nun direktis nian Asocion, konforme al la § 1-a de nia statuto.

S-ro v. Frenkell proponas, ke oni tute prokrastu la demandon kaj ne voĉdonu deziresprimon.

S-ro Hodler donas klarigojn pri la diversaj tekstoj prezentitaj. La deziresprimo proponita de S-ro Rousseau kaj aprobita de S-roj Privat kaj Pollen estas malakceptita. La teksto proponita de S-ro Stettler (principa aprobo de la raportoj kun resendo al la komisiono) estas akceptita kun 65 voĉoj kontraŭ 35 post duobla voĉdonado.

La prezidanto proponas, ke pro manko de tempo oni prokrastu la raporton pri la Universala Poŝtmarko ĝis la venonta Kongreso. Akceptita. Rilate al la loko de la venonta Kongreso li proponas, ke oni okazigu ĝin en Parizo, sed ke oni lasu la firman decidon al la komitato.

S-ro Poncet (Lyon) proponas, ke el la kongresa kotizaĵo oni nepre donu parton al UEA.

S-ro Stettler diras, ke pri tio estas nun pritraktoj kun la Organiza Komitato de la X^a^ Kongreso.

La deziresprimo rilata al la Kongreso estas akceptita.

Post diversaj komunikaĵoj de la prezidanto, S-ro Hodler transdonas la dankojn de UEA al la Berna Komitato pro ĝiaj bonaj aranĝoj. Li esperas, ke la venontan jaron oni povos kongresi en simile bonaj kondiĉoj, kaj instigas ĉiujn energie helpi por la plimultigo de la membraro. La Kvara Kongreso de UEA estas fermita je la 12 h. 1/4.

## Karavano de UEA tra Svisujo

La aliĝoj estos kolektataj vendredon vespere dum la balo. Jam nun oni povas certigi, ke la prezo por kvar tagoj (vojaĝo per fervojo, ŝipo, dentradvagono; ĉambro, tri manĝoj sen trinkaĵoj; vizito de la muzeoj; tramveturadoj; trinkmonoj) estos certe malpli alta ol 90 Fr. Aliĝontoj devas esti Esperantianoj.

## PAROLADO DE S^RO^ HODLER

### ĉe la malferma kunsido de UEA

(Fino.)

Plie, se la bezono naskas la organon, oni ankaŭ povas diri, ke ofte ankaŭ la organo elvokas novajn bezonojn: Sciante, ke per niaj Delegitoj oni povas oportune ricevi informojn aŭ helpon, kelkaj el niaj membroj plivastigis

siajn aferojn aŭ siajn interescelojn internacien, aliaj vojaĝis, aliaj eĉ donis alian direkton al sia vivo. Kun certa fiereco ni do povas diri, ke — kvankam ankoraŭ tre malmulte konata de la ekstera publiko — nia Asocio plenumas utilan rolon. Per ĝi precipe Esperanto estas vivanta lingvo kaj fariĝis ilo, kiu meritas esti atentata kiel realaĵo.

Ĉu de tio ni devas konkludi, ke nia afero, jam vivanta per si mem, devas resti aparta mondeto kun sia ĉiam sama limigita publiko? Ĉu ni devas rigardi nur internen de nia afero kaj enprofundiĝi en la kontenta admirado de tio, kio estis farita? Tio estus vere danĝera eraro, kies rezultato baldaŭ estus dormado parenca kun morto. Ni kontraŭe devas etendiĝi, plifortiĝi, progresi. Niajn servojn ni devas plibonigi kaj plimultigi, nian membraron ni devas pligrandigi. Tio estas nia sankta devo al ĉiuj, kiuj venis antaŭ ni, kiuj senlace laboris kaj multon oferis, por krei tion, kio ekzistas. Tio estas nia devo antaŭ la homaro, ĉar, sciante, ke ni laboras por io utila ne sole en la estonto, sed jam en la nuna tempo, ni havas la taskon fari tion utila por kiel eble plej multaj homoj. Akiri novajn membrojn, agi ekster la Esperantista jam ekzistanta publiko, ŝajnas al ni la plej urĝa necesaĵo. En tro multaj lokoj nia afero dormetas aŭ vivas tro trankvile. En tro multaj aliaj oni sin okupas nur pri bagateloj aŭ — pli grave — disputadas senfine pri neniaj aŭ personoj. Ni ne alvokas bruan kaj blufan propagandon limigitan je sola celo, sed kontinuan individuan agadon de ĉiuj.

Ne per bruaj momentaj agoj ni utile laboros, sed per longa pacienca individua laborado, ĉar kiel antaŭdiris la poeto: „Eĉ guto malgranda, konstante frapante, traboras la monton granitan“. Mi insistas pri la esprimo „individua laborado“. Multaj el ni, efektive, tendencas ĉiam sin turni al organizaĵoj kaj ĉion komisii al ili, kulpigante ilin pri ĉia okazanta bono aŭ malbono. Organizaĵo estas nepre necesa por efika kunlaborado, taŭga dispartigo de la taskoj kaj orda agado, sed, eĉ, se ĝi estas bonega en si mem, ĝi valoras nenion, se la individuoj, el kiuj ĝi konsistas, estas seniniciataj kaj indiferente fordonas ĉiun laboron al la aliaj. Tio estas elementa veraĵo, kiu malgraŭ sia banaleco ne ĉesas esti rememorinda. En ĉiuj landoj ekzistas multaj homoj, kiuj aljuĝas al la registaro absolutan influon, eĉ en aferoj pri kiuj ĝi videble povas tute nenion; ili ne vidas, ke plej ofte ili individue estas respondaj pri la malbono, kiun ili konstatas. Ni ne imitu ilin. Ni gardu nin kredi, ke kreinte tian aŭ alian novan societon aŭ gazeton, aŭ ke ŝanĝinte tian aŭ alian detalon en nia organizo, ni faros grandajn progresojn. Se sub la ŝanĝo de nomoj kaj organoj aperas la samaj homoj, ni estas en tute sama situacio kiel antaŭe. Aplikante tiujn konsiderojn al nia propra afero, ni konstatos, ke en UEA ekzistas nun internacia organizaĵo, kiu per sia elprovita organizo taŭgas kiel kadro por utila laborado. Ĝi ne estas perfekta, kaj ni havas la devon ĝin ĉiam plibonigi, sed ni ne kredu, ke ĝiaj progresoj venos de detalaj ŝanĝoj en ĝia organizo. Tio estas flanka afero. Niaj progresoj venos ĉefe per la individua agado de vi ciuj.

En la nuna tempo plej necesa estas la plimultigo de niaj membroj. Por tio ĉiu el vi estas kompetenta kaj povas utile helpi. Gazetartikoloj, paroladoj, festoj, kongresoj, certe estas utilaj, kaj ni neniel devas ilin malŝati, sed plej trafa el ĉiuj rimedoj estis ĉiam kaj estas ankoraŭ la individua propagando kaj varbado. Se ĉiu el niaj membroj dum la jaro klopodus por varbi nur unu novan membron — kio vere ne estas tre malfacila — kaj se nur la duono el ili sukcesus, niaj progresoj efektiviĝus per grandaj paŝoj Jen la plej urĝa tasko.

Dank'al tia individua agado, Esperanto enradikiĝis en la unuaj jaroj, malgraŭ multe pli grandaj malhelpoj ol nun; dank'al ĝi stariĝis tiuj bravaj pioniroj, kiuj honorigas nian historion; ni ne forlasu ĝin sub la preteksto ke ekzistas nun organizaĵoj, kiuj povas plenumi tiun propagandon aŭ ke UEA estas nur peresperanta kaj ne devas sin okupi pri propagando. Tiaj teoriaj diskutoj estas tro ofte motivo por nenion fari. Ni ne parolas pri kolektiva propagando, sed pri individua agado, kiu estas nuntempe necesega, se ni volas progresi. Dum la jaro ĉiu el vi energie penu varbi unu novan Esperantianon. Por tio estas necesaj nek multe da lernolibroj, nek multe da societoj, sed la viva parolo, kelkaj klarigoj, kiujn abunde liveras niaj diversaj propagandiloj, kaj persista fervoro.

La lastaj jaroj ne estis sen fruktoj. Interne de nia afero oni multe laboris. Unuflanke, oni kreis UEA kaj, laŭ ĉiujaraj spertoj, plibonigis ĝian organizon, oni pli kaj pli anstataŭigis la pure predikan propagandon per praktika internacia agado, oni konsciis pri la rolo, kiun jam nuntempe povas plenumi Esperanto; aliflanke, per pripensado, per la diskutoj, eĉ per la polemikoj, oni precizigis la antaŭe sufiĉe malklarajn ideojn pri nia lingvo ĉe la Esperantistoj mem, oni konsideris Esperanton kiel vivantan lingvon, ne plu kiel ian artefaritan signaron, oni sub la influo de tiu fruktoriĉa ideo forigis ĉiun danĝeron de lingvaj disputoj, dume oni plibonigis nian instruilaron, multe pliriĉigis nian literaturon, ekkreis seriozan kaj objektivan kritikon, en lingvaj demandoj uzis la eksperimentan metodon kiel en ĉiuj aliaj lingvoj. Ĉio tio reprezentas grandan laboron, ofte diskretan kaj ne tuj okulvideblan, sed tamen atentindan rilate al la estonteco. Ni do estas multe pli bone armitaj ol antaŭe, sed ni ne forgesu, ke eĉ la plej perfektaj armiloj perdas sian efikon, se ili estas en la manoj de nespertaj, molaj kaj skeptikaj soldatoj. De vi ĉiuj dependas la estonteco de nia afero. Kiel ajn utila estas en si mem organizo ĝi valoras nur se la homoj, el kiuj ĝi konsistas, konscias pri sia respondeco kaj plenumas sian devon kontinue, inteligente kaj ame. Tiel same, UEA potenciĝos kaj povos alpaŝi al pli gravaj taskoj nur per konscia membraro, fervora, iniciatkapabla kaj energia reprezentantaro.

De via individua agado dependas nia progresado.

*H. Hodler.*

# Tra la kongreso

.·. La karavano Paris—Bern tiel bone sukcesis, ke la profito (10 frankoj) estos sendata al S-ro P-ro Cart por la blinduloj.

.·. Ĉu ne prave? Ni rimarkis, ke multaj Esperantistoj, eĉ el tiuj kiuj antaŭe estis opiniataj lertaj parolantoj, terure malbele akcentas nian harmonian lingvon. Kaj neniu rimarkigas al ili tiujn bedaŭrindajn erarojn. Niaj Kongresoj internaciaj devus konsisti el festoj kaj el instruoj tre utilaj. Ĉu ni rajtas respekte peti S-ron E. Privat, kiu morgaŭ faros paroladon ĉe la disdonado de la premioj por la oratora konkurso, ke li admonu nin ĉiujn pri la neceso de l' tonika akcento?

# Tra la mondo

*New-York.* — Germana ŝipego „Imperator“ ankrita ĉe la haveno, ekbrulis. Post multaj klopodoj, la fajro estis venkita. Du ŝipanoj pereis. La pasaĝeroj povis esti transŝipigataj.

*Roma.* — Oni certigas, ke Gabriele d'Annunzio estos baldaŭ elektata kiel membro de la Itala Senato.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO






OFICIALA

# KONGRESA GAZETO

N-o 6 Aldono al ESPERANTO 30 Aŭgusto 1913

REDAKCIA LETERKESTO EN LA AKCEPTEJO

*La Kongresa Gazeto aperas ĉiutage dum la Kongresoj kaj kostas 10 centimojn po Numero*

OKAZONTAĴOJ

### Dimanĉo 31 aŭgusto

9 h. 30 **Festa ferma kunsido** de la Kongreso de Esperanto en la ĉambrego de la Kazino.

11 h. 30 Ekzercoj de la Ruĝa Kruco kaj liberaeraj predikoj sur la monto Gurten.

12 h. 30 Festeno sur la monto Gurten (karto antaŭaĉetota: 3 Fr.).

Posttagmeze Popola svisa festo.

### Lundo 1 septembro

7 h. 45 De la stacidomo de Bern, forveturo de la Karavano de UEA tra Svisujo.

OKAZINTAĴOJ

## KONGRESO DE ESPERANTO

### 2-a Ĝenerala Labora Kunsido.

Merkredon posttagmeze je la 3-a ½ S-ro Stettler, vicprezidanto de la IXa, malfermas la kunsidon.

S-ro Chavet legas la protokolon de la 1-a kunsido; protokolo unuanime akceptata.

S-ro Chavet legas la raporton pri ĝenerala organizajo. S-ro G-lo Sébert donas kelkajn klarigojn kaj diras, ke li korespondadis kun kelkaj naciaj societoj kaj ke la projekto ŝajnas akceptinda. Neniu petas la parolrajton pri la raporto, kaj oni voĉdonas pri la jena propono: „La IXa Kongreso konsilas al la internaciaj societoj aliĝi al la Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Societoj.“ La komisiono pri ĝenerala organizajo kaj la subkomisiono nun finis sian taskon.

Esperantisto el München parolas pri la Ponto; S-roj Schmid kaj Boucon kaj aliaj partoprenas la diskutadon.

Fine S-ro D-ro Wenger donas klarigojn pri la oratora konkurso. L. P.

### Fakaj Kunsidoj.

*Kuracistoj* (T E K A). — En la dua kunsido de la kuracistoj, marde 5. 15, kiun la Majstro mem bonvolis partopreni, la medicina terminologio estis diskutata post referato de D-ro Uhlmann. Merkrede matene la TEKA-anoj aŭdis du referatojn pri sciencaj temoj de D-roj Ŝidlovski (Moskvo) kaj Robin (Varsovio). Poste D-ro Christen (Bern) kondukis siajn eksterlandajn kolegojn tra la medicinaj institutoj de la urbo, inter kiuj precipe la instituto de P-ro Kolle por studado de infektaj malsanoj estis interesplena, dank' al la afabla kondukado de ĝia subdirektoro P-ro Tomarkin. T. C.

*Arĥitektoj.* — Merkredon vespere okazis en la Universitato la unua Kunveno de la Arĥitektoj, Inĝenieroj kaj ĉiuspecaj konstruistoj esperantistaj. La celo de la fondota grupiĝo estas interrilatigi la arĥitektojn tutmondajn kaj havigi al ili la necesajn rimedojn por profesia interhelpado. La Asocio oficiale estos fondita nur dum la Paris'a kongreso. La kolegoj, kiuj ne povis ĉeesti la kunvenon, estas petataj sin konigi de nun: aliĝo estas senpaga, nur oni devas esti UEA-ano. La estraro jus elektita enhavas kiel prezidanton S-ron D. A. Agache, arĥ. D. P. L. G. 11, rue Eug. Flachat Paris; kiel vic-prezidanton S-ron Vermaas, arĥ. Rotterdam (Holandujo); kiel sekretarion, S-ron Génermont, arĥ. E. D. B. A. Moulin-sur-Allier (Francujo). H. P.

*Libera Penso.* — Mardon 26 Aŭgusto je 5 h. ½ okazis en la Universitato la unua Kunveno de la Societo Libera Penso. Ĉeestis 40 personoj el 8 nacioj, membroj de la Societo aŭ aliĝontoj. Post aprobo de la jara raporto de l' sekretario, ili decidis rekomendi por la skriba voĉdono, kies preparo estas la Kunveno, la jenajn rezoluciojn: 1e kvankam teorie, kaj laŭ la regularo, la celo de la societo estas defendi la liberecon de la penso sur ĉiu kampo, tamen pro praktikaj konsideroj ne enmiksi ĝin sen neceseco en politikajn aferojn. 2e sendi sinceran kuraĝigon kaj simpatiesprimon al la gazeto „Homaro“, kiun oni proponis alpreni kiel oficialan organon, sed konservi la propran bultenon de Libera Penso. Prokrastinte la sekvon de l' tagordo al la dua Kunveno, la ĉeestantoj danke akceptis inviton de la liberpensa societo en Praha (Bohemujo) por la Universala Kongreso de Liberpensuloj, kiu okazos en tiu urbo en 1915. Fine ili decidis sendi salutleteron al la monista Kongreso en Düsseldorf, ĉe kiu ageme propagandas idistoj.

Vendrede 29 aŭgusto je 8 h. ½ okazis en la Universitato

la dua kunveno de la Societo Libera Penso. Laŭ la sekvo de la tagordo estis voĉdonate ke la jara kotizajo restu fiksita je Fr. 2.50 minimume, sed ke lokaj grupoj da almenaŭ 10 anoj ricevu rabaton de la duono. Nomoj estis proponataj por la skriba elekto de du komitatanoj. Sistema propagando ĉe estraroj de naciaj liberpensulaj societoj kaj ĉe gazetoj estis studata. Reprezentanto por la liberpensula kongreso en Lisbono estis rajtigita. Fine la kunvenintoj unuanime decidis sendi respektan kaj fervoran dankon al nia majstro Zamenhof pro la kuraĝo kaj la nobleco kun kiuj en sia deklaracio pri Homaranismo li asertis la principon de vere libera penso, farante al la homoj por morala progreso, per tia parolo kaj ekzemplo, duan servon, egale netakseblan. R. D.

## Internacia Balo

„La Elfoj dancas sur la vasta ebenaĵo" diris franca poeto ..... kaj hieraŭ „ĉe horo dekdua en nokto" laŭ rusa poezio ... dancadis en la Kazino Esperantistoj el ĉiuj nacioj, inter kiuj multaj estis nacie vestitaj. Sed mi povas vin certigi, ke ili tute ne similis al Elfoj. Anstataŭ verdaj lunradioj heligantaj arbaran maldensejon, blindigaj elektraj lampoj rebrilis sur la planko; anstataŭ nenatura aera muziko surdigantaj trombonoj ritmis la takton de l' violonoj; anstataŭ nebulaj aperaĵoj glitantaj malpeze, viglaj paroj turniĝe minacis la piedojn de la nesingardemaj rigardantoj. La podiumo de la salonego en la Kazino estis okupita de la orĥestro, kaj flanke, inter abiaj branĉoj, oni estis organizinta malsuprenglitejon, sur kiu niaj gesamideanoj harde ekzerciĝis al montaj sportoj.

Multaj estis precipe la svisaj kaj la oberlandaj kostumoj. Ni ne povis noti ĉiujn. Sed kelkaj personoj tre afable bonvolis skribi sian nomon kaj la devenon de l' kostumo. Jen la listo laŭ ordo de enskribiĝo:

S-ro Hans Tressel, la modela Delegito de UEA en München (bavara montarano), S-ino Farges, la tre sindonema direktorino de la Lyon'a Esperanto-Oficejo (kamparanino el Arles, Provence), S-roj Denninger kaj Feuerbach, el Mülhausen (Elzacanoj), S-ro Delanoue, nelacigeble dancanta (franca kortegano de XVII<sup>a</sup> jc.), bela Moravia grupo: S-inoj kaj F-inoj Janalikova, Minarikova (slovakinoj), Navratiklova (valaĥino) kaj Brablcova (hanakino), S-ino Rouveret (kamparanino el Provence), F-ino Lęser (bavarino), S-ino Hartrg, (litova kamparanino), F-ino Loder (bernanino), la tre konata aŭtorino Roksano (kamparanino el Béziers, Francujo), F-inoj Schmid (bernaninoj), S-roj Burghold (bernanoj), S-roj Merz (gemontaranoj el Appenzell) (tiuj ses antaŭaj meritas apartan citon pro ilia kuraĝa dancado post tiom pena laboro en la akceptejo dum la tuta semajno), S-ino Wuyts kaj F-ino Hericke (flandraj kamparaninoj) kaj multaj aliaj estus sin enskribintaj, se tiam ili ne estus estintaj forpelataj de teruriga berna urso, kiu blekante kaj minacante per siaj dentoj kaj ungegoj forkurigis ĉiujn.

Inter dancoj, jodlistoj admirigis sian apartan arton.

Je la 12-a la plej granda parto de ĉeestantoj noktmanĝis en najbaraj ĉambregoj. Tiam ni konsciis, ke la Esperantista movado ne estas en danĝero, ĉar vere admirinda estis la ĝenerala kuraĝa antaŭenemo de ĉiuj ... al la bufedo. Poste la dancoj rekomenciĝis kaj daŭris dum la tuta nokto.

Malgraŭ pluraj avertoj de la Organiza Komitato ni vidis ĉe la balo fuŝfantaziajn kostumojn: 1e nigra frako kun cilindroĉapelo, brusto kovrita per lunaj ordenoj, vizaĝo ornamita per riĉaj lipharoj; 2e vira esperanta kostumo kun danaj koloroj; 3e fraŭlina esperanta kostumo, blanka, sur la robo de malsupre supren naŭ ŝildoj kun la nomoj (en franca lingvo!) de la naŭ Kongresoj de Esperanto, supre ĉe la dorso inter la ŝultroj afiŝo kun la vorto „Esperanto", tre taŭga por reklamo pri ekzemple Tobler'a ĉokolado; kaj kelkaj aliaj.

Ni esperas, ke proksiman jaron en Paris nepre ĉiuj volos esti decaj, ĉar la „titi" (t. e. la Paris'aj stratbuboj) estas tre ŝercemaj kaj la tuta loĝantaro tre mokema pri tiaj fantaziaĵoj.

LUPO.

# Oratora konkurso

Sub prezido de S-ro Wenger jus okazis en la Kazino la oratora konkurso. La prezidanto saĝe admonis la ĉeestantojn, ke ili silentu, kaj vice alvenis la diversnaciaj konkursantoj.

S-ro Dalmoa, Kataluno, devis paroli pri „kuraĝo", sed li iom flanklasis sian temon por kulpigi la balon, la ekskursojn kaj la kafon, ke li ne havis sufiĉan tempon kaj forton por pli elokvente paroladi. „Naskiĝas poeto kaj fariĝas oratoro." Li volas fariĝi oratoro ĉar li kredas al persistemo kaj al kuraĝo, kaj finante li laŭdas kuraĝon de knabo, kiu



P-ro R. DE SAUSSURE, prezidanto de la Akcepta Komitato

stariĝas sur seĝo ne timante fali planken, li laŭdas la kuraĝon de l' kongresanoj, li laŭdas la kuraĝon de D-ro Zamenhof. Vortoj estis bonaj, tre malmultaj gramatikaj eraroj; sed S-ro Dalmoa devos peni por ne tiom flankiĝi de la temo.

S-ro Pichon, Franco, elektis kiel temon toston al „Patrujo". Tuj filozofe, beletristike, li dividas la temon; tre klasike li starigas planon, kiun li poste tre ĝuste sekvas; S-ro Pichon estas juna licenciato de la Sorbonne, kaj en lia parolado ni tre plezure rekonis la aplikon de la principoj, kiuj estas la fundamento de la supera literatura instruado en la unua franca universitato. Unue laŭ eksperimenta maniero li pristudas la historion de la ideo de patrujo; due morale li priskribas la rajtojn kaj la devojn de ĉiu homo kontraŭ patrolando. Li finas per poeziaj ekflugoj, kiuj tre impresas la ĉeestantaron. Iom tro rapidflua parolo, kelkaj ne tre ortodoksaj vortoj, ne pli ol unu aŭ du forgesitaj akuzativoj, sed vere oratora temperamento.

S-ro Van Schoor, Belgo, pritraktas la „Universalan Fratecon". Certe altajn sentojn li esprimis, sed vortoj tiel grandaj estas tro vastaj por enteni ion realan. La akcento eble povus esti pli bona, sed precipe la raŭka voĉo estis laciga; ankaŭ liaj parolŝanceliĝoj estis bedaŭrindaj.

S-ino Tropeolo, iom tro modesta Francino, ne kuraĝis elmontri sian nomon; ni do ne malkaŝos la sekreton. Ŝi parolis pri „Legado de seriozaj libroj". Ni ŝatis le difinon, kiun ŝi diris esti kutima: „Serioza libro estis tiu, kiu ne temas pri amo." Sed ŝi penis konvinki nin, ke „serioza libro estas tiu, kies legado igas nin pensi kaj pripensi". Tre delikate ŝi parolis, sed ve, la akcento estis ĉiam prokrastata, kaj la gramatikaj finiĝoj tro laŭte sonis.

S-ro Jacobs, Belgo, eniras terure tremigantan vojon: „Mortpuno!" Li nigre priskribas la diversajn pli malpli elegantajn rimedojn, kiujn uzas la ŝtatoj por malaperigi krimulojn. Li parolas pri „gilotinilo" en Francujo kaj pri „elektra elektreco" en Usono. Li poste atakas la principon: ĉu socio rajtas mortigi por puni mortigon? Sed pro laco lia voĉo iom falas; la publiko protestas; subite ni kredas aŭdi la voĉon mem de S-ro Schmid, sed vere ne estas eble, ĉar li ĝuste forestas; ĉiuj estis erarigitaj, ĉar S-ro Jacobs elparolis dum kelkaj minutoj tute same kiel S-ro Schmid. Konklude li al ni proponis fondi novan societon (kiom da prezidontoj?) celontan al la forigo de l'mortpuno.



ED. STETTLER, vic-prezidanto de la IX-a Kongreso.

S-ino Wight, Britino, respondis la demandojn: „Kiun valoron havas la sano? Kiel akiri aŭ konservi ĝin?" Komence ŝi tre ĝuste parolis pri korpa kaj pri spirita sano, sed bedaŭrinde ĉe la fino ŝi estis tro laca, kaj ideoj ne tre rapide estis prezentataj. Eĉ komence S-ino Wight parolis malrapide, kaj dank'al ŝia atento la elparolado estis bona kompare kun la malfacilaĵoj, kiujn havas la Britoj por ĝuste kaj pure sonigi la vokalojn. Ŝia konfeso, ke ŝi estas sufraĝistino, ne forigis de ŝi la ĝeneralan simpation: se ĉiuj sufraĝistinoj ne estus pli revoluciemaj ol ŝi . . .

S-ro Mahn, Germano, lastmomente ŝanĝis la temon, kiun li estis antaŭe elektinta, kaj devis glorigi: „lu heroo de l'historio." Tre trafe li trovis indajn vortojn por trafe laŭdi la verkon de Zamenhof. Heroo estis la Majstro, kiu nun tro modeste ne volas plu esti nomata Majstro, kiam ĉe la unuaj jaroj li, sola, persiste, energie, kuraĝe penadis por fine atingi la helan celon, en kiu li baldaŭ triumfos. La temo vekis aplaŭdojn, sed la parolo mem ne estis tiel perfekta; tro da ŝanceliĝo; la literoj „s" estis elparolataj kiel „z", k. t. p.

S-ro Raczi, Hungaro, inkline parolis pri la „Protekto de la infanoj". Ĉu li estas edukisto? Ni ne scias, sed li ŝajnas havi sperton pri tio; tre ĝustajn ideojn li al ni prezentis pri la korpa kaj spirita edukado de la infanoj. Je tiu vidpunkto, ni ne agu blinde kiel niaj praŭloj, ni serĉu novajn rimedojn; precipe ni celu eduki niajn idojn pli libere, en libera aero, en libereca atmosfero; ni forigu la kutimajn dogmojn el la vivo de niaj sekvontoj. Sufiĉe flua parolo, taŭgaj vortoj, ne ĉiam tre klare esprimataj pensoj.

S-ro Wenger fermas la konkurson, kaj sciigas, ke morgaŭ matene ĉe la ferma solena kunsido de la Kongreso la premioj estos disdonataj al la konkursintoj, kaj antaŭe la vic-prezidanto de l' juĝistaro, S-ro Edmond Privat, la majstro de l' esperanta parolo, havigos al la ĉeestantoj novan ĝuon.

Entute la konkurso estis interesa kaj utila. Interesa, kvankam ne sufiĉe diversnaciaj geesperantistoj ĝin partoprenis; utila, tial ke rezultas el ĝi por ni instruo, nome, ke ni ĉiuj devas pli zorge atenti pri ĝusta kaj akcenta elparolado de nia lingvo. Ni insistas pri tio: konataj, eĉ famaj Esperantistoj ŝajnas de kelkaj jaroj flanklasi tiun gravan punkton. Ĉu ne S-ro Privat elmetis tiun ideon, kiun ni opinias ĝusta, ke eble iam en pli malpli proksima estonto, la gramatikaj finiĝoj devos ankoraŭ malplilaŭtiĝi, precipe tiu de la ununombra nominativa substantivo? En skribaĵo (reciproke pli ĝuste en legaĵo), la finiĝo „o" estas necesa por analizo; en parolaĵo ĝi estas nur senutile peza. Ĉu ni, en Paris, havos plezuran okazon fari komparon pri la progresoj de niaj oratoroj? Ni esperas. LUPO.

# Tra la kongreso

.·. Dankadon de la kongresanaro meritas la sindonemaj gesamideanoj, kiuj de la mateno ĝis la vespero senlace laboris en la Akceptejo.

.·. La dua parto de la *Kongresa Dokumentaro de UEA*, enhavanta la protokolon de la kunvenoj de UEA kaj la tekston de la diversaj paroladoj ĉe la festa malferma kunsido, aperos fine de septembro. Ĉiu kongresano povos ĝin ricevi senpage, sin turnante al la C. O. de UEA.

.·. La IXa Kongreso nun disvastiĝas sur la tuta Oberland, kie ekskursas la plej granda parto de l'kongresanoj, kiujn ne ŝajnas allogi la oficialaj aŭ eĉ la nepublikaj kunvenoj.

.·. Avizo al scienculoj kaj naturamantoj: Ekspozicio de Alpaj floroj, insektoj kaj rokaĵoj de Naturscienca Instituto Davos-Dorf, troviĝas en ĉambro 30 de la Universitato (sama etaĝo kie okazas la fakkunsidoj). Ĉiuj klarigoj estas esperantaj. Malfermita ĉiutage de la 10-a ĝis la 12-a kaj laŭeble antaŭ la fakkunsidoj.

.·. Juristoj kunvenis kun edzinoj en la Kazino vendredon vespere antaŭ la balo por trinki kafon, kiel antaŭajn jarojn. Sabaton matene ili havis sian 2-an kunvenon en la Universitato, ĉambro 34; ili diskutis pri la civilstato de la societo en la diversaj landoj.

.·. Vendredon vespere je la 8-a ½, Juristoj forgesante ĉiujn procesojn, kviete trinkis teon en la Kazino antaŭ la balo. Ili bonvolu senkulpigi nian Redakcion, ke hieraŭ ne aperis la noto pri ilia kunveno; sed estis vere troege da presotaĵoj.

.·. Fotografaĵoj de la Kongeso estas aĉeteblaj en la Kazino ĉe la vendejo de S-ino Farges (Lyon'a Esp. Oficejo) kaj ĉe la vendejo de S-ro Francke (Bern'a librejo).

.·. De sabato vespere je la 6-a la Akceptejo estos fermita, ĉar la bonvolaj oficistoj estas senforte lacegaj. Ni kompatu ilin, kaj kore danku!

.·. Multaj leteroj alvenis por multaj kongresanoj en la specialan poŝtoficejon de l' Kongreso, en la Kazino. La kongresanoj bonvolu urĝe ilin preni.

.·. Tre detalaj priskribaj raportoj aperos en venontaj numeroj de „Esperanto" pri la Teatra Prezentado: „Patreco" kaj „Ginevra", kaj pri la popolarta prezentado de „Wilhelm Tell" en Interlaken.

.·. *Al ĉiuj ĵurnalistoj, korespondantoj kaj senditoj de gazetoj.* — Ĉiuj estas petataj konigi al la Redakcio de „Esperanto", 10 rue de la Bourse, Genève, (aŭ ĝis sabato je la 6-a, leterkesto de l' Redakcio en la Akceptejo) la nomojn kaj la numerojn de l' ĵurnaloj naciaj, kiuj raportis favore, nefavore aŭ malfavore pri la IX$^a$ Kongreso. La listo aperos en „Esperanto".

## Karavano de UEA tra Svisujo

Kiel ni ĝin hieraŭ konigis, Postkongresa Vojaĝo tra Svislando estas organizata sub aŭspicioj de UEA kaj sub direkto de S-ro L. Poncet, Del en Lyon. Jen ĝia programo:

*Lundon 1-a de septembro:* matene je la 8 h. el Bern, tra Thun, Spiez, Interlaken, lago de Brienz (per ŝipo), Brienz, Meiringen (tagmanĝo), intermonto Brünig (per dentradvagono), Sarnen, Alpnachstad, (per ŝipo ĝis:) Vitznau, (per dentradvagono ĝis:) je la 6 h. $^1/_2$ al Rigi Kulm (sunsubiĝo, vespermanĝo, dormo).

*Mardon 2-an:* (sunleviĝo, matenmanĝo) matene je la 9 h. $^3/_4$ el Rigi Kulm, tra Arth-Goldau, je la 12 h. al Luzern (tagmanĝo, vizito de la urbo, ĝardeno de l' glaciejoj, orgena koncerto en la ĉefpreĝejo, vespermanĝo, kursalo, dormo).

*Merkredon 3-an:* (matenmanĝo) matene je la 7 h. $^1/_2$ el Luzern (per ŝipo) al Tellsplatte, (piede 4 km aŭ laŭvole ŝipe) al Flüelen je la 12 h. (tagmanĝo), je la 2 h. $^3/_4$ el Flüelen (per ŝipo) al Brunnen, (per dentradvagono) al Axenstein, je la 4 h. 50 el Brunnen (per ŝipo) al Luzern je la 6 h. $^3/_4$ (vespermanĝo, dormo).

*Ĵaŭdon 4-an:* (matenmanĝo) matene je la 9 h. $^1/_4$ el Luzern, je la 10 h. $^1/_2$ al Zürich (vizito de la urbo, tagmanĝo, nacia historia muzeo), vespere je la 6 h. $^1/_4$ el Zürich, je la 9 h. al Bern.

Oni povos aliĝi nur por la 2 aŭ la 3 unuaj tagoj, aŭ poste viziti Sankt-Gallen, Konstanz kaj la lagon (Bodensee), Schaffhausen, Basel kaj Neuchâtel, aŭ tra la tunelo Gotthard veturi al Itallando. Nur Esperantianoj estos akceptataj. La kondukonto de la karavano restos ĉiutage de la 5 h. $^1/_2$ ĝis la 6 h. $^1/_2$ en la ĉambro 4 (1$^a$ etaĝo de la Kazino, malantaŭ la Vendejo) por doni informojn kaj ricevi aliĝojn.

*Noto.* — La aliĝoj estas akceptataj de S-ro Poncet ĝis sabato vespere je la 11-a; post la koncerto li havos tablon en la koridoro de la Kazino (unua etaĝo) inter la du grandaj ŝtuparoj.

## Tra la mondo

*Den Haag.* — Okazis internacia vegetarana Kongreso, en kiu Esperanto estis akceptita kiel uzebla lingvo. Estis du paroladoj en Esperanto de S-ro J. A. Gill (Tunbridge) pri „La du verdaj aferoj" (spinacoj kaj Esperanto!) kaj de S-ino van der Vet-Dirksen pri „Kio devas aparteni al la tuta homaro."

*Washington.* — La meksika ministro de l'eksteraj aferoj informas, ke la meksika registaro ne povas akcepti la usonan proponon pri retiriĝo de Generalo Huerta ĉe la prezidantbaloto.

*London.* — La sufraĝistinoj frapis ĉefministron Asquith.

*Hago.* — La Palaco de la Paco estis inaŭgurita. Paroladis S-roj Carnegie, la eksterlanda ministro de Nederlando. Fine de la ceremonio oni inaŭguris buston de Edvardo VII$^a$.

*Londono.* — Internacia Kongreso de la transportlaboristoj malfermiĝis.

*Afsne* (Belgujo). — Sur la rivero Lys du motorboatoj koliziis; tri personoj dronis.

*Kopenhag.* — La internacia Kongreso de la kriminalistoj malfermiĝis.

*Bruxelles.* — La grandaj manovroj komenciĝis.

*Lazaranas* (Hispanujo). — Fiŝkaptista ŝipo pereis; ok personoj dronis.

### *Ĝis revido!*

*Ĉe*
*la lumo tiu ĉi de kiu ni*
*unue estas salutataj antaŭ*
*popoloj, kiuj en profundo sub*
*ni loĝas, peze do spirante en*
*fumaĵo de la urboj — ni nun ĵuru*
*la ĵuron de la nova interligo!*
*„Ni estu unu nur frataro, nek*
*disunuiĝu en danĝero iu!"*
*„Ni volas esti liberuloj kiel*
*prapatroj niaj kaj preferi morton*
*ol vivi submetite en sklaveco!"*
*„Ni fidu grandan Dion nek ni timu*
*potencon homan!"*
*Nun foriru ĉiu*
*el ni kviete al la hejmo sia!*

(Ni serĉis indan konkludon al nia IX$^a$ Kongreso, kaj ni estus volintaj dediĉi al gastama urbo Bern kaj al alloga Svislando salutversaĵon. Tempo al ni, kiel al ĉiuj, mankis. Ni nur al vi petas, al vi ĉiuj, ke starante kaj levante tri fingrojn de dekstra mano, vi solene rediru la ĵuron, kiu nin tiel korpreme emociis ĉe la prezentado de „Wilhelm Tell" en Interlaken, kaj kiu tiel ĝuste konvenas al nia mondmovado. Tial ni represis ĉi supre la versojn el la bona tradukaĵo de nia München'a samideano, S-ro L. E. Meier. Kaj nun ni kriu: „Vivu Svisujo, lando de libereco, lando de noblanimeco! Vivu la Svisa Respublika Federacio! Vivu!")



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO